XXVI-a jaro. — N° 354 (2). Monata Februaro 1930.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## Atesto ke nia lingvo servas

Ĉu niaj legantoj notis, ke la Internacia Labora Oficejo de la Ligo de Nacioj eldonas bultenon en Esperanto, kaj dediĉas unu paĝon en ĝi al tre interesaj novaĵoj pri organizo de la konsumantoj en diversaj landoj kaj klopodoj de kooperativaj societoj por plimalkarigi la vivon ?

Utiligante la servojn de la delegitoj de UEA, tiu oficejo havigis al si pri tiu ĉi fako novajn rilatojn kun malproksimaj landoj kaj korespondis en Esperanto kun informantoj.

Pri tio oficiale atestas la jara raporto de la Direktoro al la lasta (XII-a) kunveno de la Internacia Laborkonferenco en Genève (1929). Jen la paragrafo post klarigo pri la rilatoj inter la Oficejo kaj la popolaj institucioj de la kooperativa movado :

« *Tiuj rilatoj kaj tiuj interŝanĝoj prunteprenas ĉiujn formojn kaj uzas ĉiujn utiligeblajn vojojn ; dum la fusa jaro la uzo de Esperanto eĉ ebligis al ni ekkontakti kun personoj kaj fontoj de informado, kiujn ni estus ne facile povintaj atingi per aliaj vojoj.* »

Tiu oficiala atesto estas sufiĉe grava, ne nur por la publiko, sed por la Esperantistoj, kiuj ofte ne scias taksi mem la valoron de la servoj kaj organizoj, kiujn ili kreis per propra multjara penado.

Necesas, ke eksteraj aŭtoritatoj montru al ili, kia potenca akirilo de informoj aŭ disvastigilo de ideoj reprezentas la delegitoj de UEA en du mil lokoj kaj la dekmilo da legantoj de ĝia organo en kvindek kvar landoj.

Ĉiumonate ni ricevas tradukojn de iu aŭ alia artikolo el « ESPERANTO » aperintajn en gazetoj meksikaj, japanaj, svedaj, francaj aŭ germanaj. Per la helpa lingvo kaj per ĝia UEA — teksaĵo aranea super la tuta mondo, unu simpla teksto povas trovi tuj interesatojn kaj disvastigantojn ĉie en la mondo.

Per la sama rea vojo eĉ grava institucio, posedanta grandegan oficejon kaj centon da diverslingvaj korespondantoj sukcesas rapide akiri informojn kaj kontaktojn el malproksimaj punktoj ĝis Ĉinujo, Islando aŭ Sudafriko. Se la esperantistoj tion klarigus iom trankvile kaj akurate ĉirkaŭ si, ili povus certe valorigi tiun ebleĉon ankoraŭ multoble pli.

Ju pli da eksteraj institucioj ni efektive helpos kaj servos per UEA, des pli multajn amikojn ni kaŭzas al Esperanto. Samtempe ni devas konstante subteni kaj progresigi la konstruaĵon.

La praktikan valoron de UEA kaj sekve de la lingvo kreas la sindonado de la delegitoj kaj la fideleco de la membroj. Ĉiu ano portas respondecon pri la rezultatoj. Ju pli fidela mem kaj varbema li estas, des pli bone marŝas la afero. Se li ŝanceliĝas, ankaŭ la tuta vagonaro ekhaltas. Ĉiuj estas nur aro de unuj.

Estas ja malnova saĝo, ke la forton kreas unuiĝo. Ĉiuj spertoj montras ke teoriaj konsideroj sukcesas al nenio rilate al mondlingvo. Nur efikas ekzemplo, rezultatoj, imitado, kiel sur ĉiuj aliaj kampoj de la vivo. Prizorgu do konstante akceli la radon de UEA por funkciigi la lingvon kaj viajn nacilingvajn organizaĵojn por ĝin diskonigi.

Se la esperantistaro ĉesigus diskuti pri novaj regularoj aŭ statutoj dum jardeko kaj donus ĉiun penson kaj penon nur al ekstera puŝado de la lingvo kaj ne plu al internaj bagateloj, ni baldaŭ transformus la ekzistantan forton en veran potencon.

Koncerne kooperativajn societojn ni gratulu tiujn en Japanujo kaj Polujo, kiuj almetis Esperantoresumon al siaj raportoj. Tio estas sola komprenilo eĉ por ne-esperantistoj eksterlande. Ne forgesu proponi la samon al via societo.

Edmond PRIVAT.

# ARTO KAJ NATURO

## HISTORIAJ MONUMENTOJ EN FRANCUJO

de M. GÉNERMONT, arkitekto de H. M.

El la diversaj landoj de Eŭropo unu el la plej riĉaj je postsignoj de l' pasinteco estas certe Francujo. De la plej malnova antikveco ĝis la centjaroj « klasikaj » ĉiu epoko postlasis sur ĝia tero la stampon de varia artista genio kaj ĉiuspecajn produktaĵojn de ĝia arkitekturo.

Greklando, Romo, Hispanujo kaj katalunaj landoj, Aŭstrio kaj Germanujo, Britujo kaj Skandinavio ĉiuj posedas ege intergrandaj vojoj de civilizo kaj eĉ en malproksimajn vilaĝetojn?

Krom tiuj respektindaj ŝtonaĵoj, modestaj aĝ' poluritaj temploj aŭ imponaj kasteloj, kiom da ceteraj riĉaĵoj en meblaro, religiaj iloj, pentraĵoj, statuoj, manuskriptoj, mirindaj juvelaĵoj!

Tiun artistan trezoron Francujo konscias kaj jam de pli ol unu centjaro ĝiaj sinsekvaj registaroj meritinde protektas kaj konservas per taŭgaj decidoj.



*Generala vido de l'kastelo de Versailles.* (Kliŝo de l'Franca Turing-Klubo.)

resajn specimenojn, sed ĝenerale ilustrantajn unu ĉefan prosperan epokon en la vivo de tiuj famaj nacioj. Sur franca tero la postsignoj ilustras rimarkindan variecon de grandaj civilizaj aĝoj, kvazaŭ en subĉiela muzeo.

En Dordonio kaj en la valo de rivero Vézère jen la megalitaj (gigantŝtonaj) monumentoj kaj prahistoriaj trovaĵoj, en Arles, Nimes, Avignon, Vaison la gloraj ruinaĵoj el la roma civilizo, tra la tuta lando jen unika kolekto de romanaj preĝejoj kaj la belega floraro de la gotikaj katedraloj, vere unu el la plej puraj juvelaroj en la artista trezoro de tiu ĉi lando, fine jen la riĉaj verkaĵoj de l' Renesanco kaj la saĝaj ordonaĵoj de l' centjaro Ludoviko XIV kaj de l' napoleonaj konstruaĵoj.

Ĉu ne plej elokventan historion de Belarto tiamaniere enskribis la centjaroj kun resuma paĝo sur ĉiun krucvojon de la

La klasika periodo estis neglektinta la romanajn kaj gotikajn produktaĵojn. Tiam venis la revolucio. Poste okazis efektive reago kaj en *Revue des deux Mondes*, Victor Hugo publikigis eĉ serion da artikoloj: « por savi tiujn admirindajn monumentojn de l' Mezepoko, sur kiujn enskribiĝis la malnova gloro de l' nacio kaj al kiuj ligiĝis la memoro de la reĝoj kaj la tradicio de l' popolo. »

De tiam ne plu haltis iam la simpatia fluo. Por ekhavi ideon pri la grandaj klopodoj faritaj de Francujo por savi siajn artriĉaĵojn legu la verkojn de S-roj Paul Léon, ĝenerala direktoro de Belartoj kaj Verdier, lia tiel kompetenta helpanto [1].

[1] Paul Léon : *Les Monuments Historiques*, Paris, E. Laurens, éditeur, 1917; 380 pages; 268 illustr. Paul Verdier : *La protection des Monuments Historiques*, édité par le Touring-Club de France. Paris 1926.

Nur tre palan resumon kapablas doni la sekvantaj linioj, celantaj nur montri rapide per kiaj leĝoj, kia organizo kaj kiaj konservo kaj riparo-metodoj la franca registaro savas la klasigitajn historiajn monumentojn.

Jam en Oktobro 1830 Ministro Guizot komisiis la unuan ĝeneralan inspektoron de la Historiaj Monumentoj. En 1830 la budĝeto antaŭvidis por tiu servo 80.000 fr., en 1837 jam 200.000, kies dispartigon proponas la inspektoro. Sed baldaŭ la sumoj jam nesufiĉis. Mérimée, kiu estis inspektoro de 1833 ĝis 1860, kreigis komisionon por nomi tiujn monumentojn, kiuj bezonas riparadon. El tio devenas la *klasigo*.

Ĉar estis tro multaj monumentoj riparotaj, oni devis elekti *tipajn*, kiuj ilustras karakterize iun skolon, epokon aŭ regionon. En 1876 estis klasigitaj 1600 monumentoj, kiuj elspezigis ne pli ol unu miliono jare por konservado. Pro la « Klasigo » neniu rajtis detrui, tuŝi aŭ riparaĉi sen oficiala permeso.

Depost marto 1887 regionaj ĉef-arkitekturistoj prizorgis riparadon kaj konservadon en ĉiu regiono.

Post apartigo inter Eklezio kaj Ŝtato en 1905 la preĝejoj dependintaj de la Ministrejo pri Kultoj venis sub kontrolon de la Servo por Historiaj Monumentoj, kies budĝeto tiam kreskis de Fr. 1.413.000 al 4.800.000. En tiu tempo elokvente pledis Maurice Barrès por « humilaj preĝejoj, eble senstilaj, sed plenaj je ĉarmo kaj kortuŝaj rememoroj. »

La vera « ĉarto de l' historiaj monumentoj » estis la leĝo de 31 Decembro 1913, kiu povis administre dekretiĝi nur en Marto 1924 pro la mondmilito kaj ĝiaj sekvoj. Ĝi fiksas la juran situacion inter la rajtoj de l' uzantoj kaj tiuj de la nacio. Kiel skribis iam Viktor Hugo: « Ekzistas du aferoj en unu konstruaĵo: ties uzo, kaj ties belo. La uzo apartenas al posedanto, la belo al ĉiuj homoj. » La leĝo de 1913 difinas kompromison inter la posedanto kaj la ŝtato, reprezentanta la nacion kaj povanta interveni por savi la belartan trezoron.

Ĝenerale la klasigo fariĝas interkonsente. Se la posedanto kontraŭstaras kaj se la konstruaĵo vere valoras historie, tiam findecidas la ŝtatkonsilantaro pri la klasigo, foje kun domaĝpago. El kelkmiloj da klasigoj, nur 112 bezonigis tian juĝon.

La sama leĝo kreis novan kategorion de monumentoj, enskribitaj sur *Aldona Listo*, kiel en Italujo. Dum la ŝtato ĝenerale partoprenas la riparadon de la *klasigitaj* monumentoj, ĝi ne intervenas ĉe la nur *enskribitaj* escepte por malpermesi al la posedantoj ŝanĝi ion sen oficiala permeso.

Tiu listo estas nun prilaborata kun helpo de Turing-Klubo, artistaj asocioj, arkitekturistoj, belartaj amatoroj. Ĝi estos vere monumenta katalogo de la riĉaĵoj belartaj en Francujo.

La *klasigo* povas eĉ aplikiĝi al ĉirkaŭaĵo de monumentoj por malebligi najbaran konstruadon aŭ skandalan afiŝadon. Eĉ *meblaron* ĝi povas protekti kontraŭ difektado aŭ disvendado eksterlanden. Severaj sankcioj estas antaŭviditaj.

***

Tiun organizon jam uzis kiel modelon aliaj ŝtatoj.

Preparita per la instruoj de homoj kiel Piel, Lassus, Viollet le Duc, la nuna personaro de la Servo por Monumentoj Historiaj (france M. H.) estas unu el plej kompetentaj kaj sindonemaj. Sub aŭtoritato de la Ministro por Instruado kaj Belartoj ĝi ageme donas sian plenan kunlaboradon al la komisiono pri M.H. Ĝi konsistas el:

*Generalaj inspektoroj* komisiataj po 15 ĝis 20 departementoj



*Normandio. — Korto de l'Hôtel de Bourgtheroulde, Rouen.* (Kliŝo de l'Franca Turing-Klubo.)



*Armorique. — Ostejo de Trégastel.*
(Kliŝo : F. T. K.)

(administraj francaj regionoj). Ili kontrolas ĉion, ekzamenas klasigproponojn kaj ripar-budĝetojn.

*Ĉef-arkitekturistoj*, loĝantaj en Parizo kaj elektitaj per konkurso. Ili agas por 3 aŭ 4 departementoj, starigas ripar-projektojn kaj superrigardas ilian plenumon.

*Ordinaraj arkitekturistoj* po unu departemento aŭ distrikto, loĝantaj en ties centro por helpi aŭ anstataŭi la ĉef-arkitekturistojn per ĉiutaga kontrolado kaj inspektado de la konstruaĵoj.

La *Budĝeto* malfeliĉe ne sufiĉas por ĉio, kion oni volus aŭ devus fari. De 1871 ĝis 1905 oni elspezis jare meze fr. 1.300.000. Poste 4.800.000.

Pro la milito la listo kreskis de 4.670 al 6.370 konstruaĵoj sed la kreditoj ne povis sekvi kaj la ministrejo de Belartoj nun disponas nur 10 milionojn, do la duoblon, sed la elspezoj pli ol sesobliĝis.



*Paris. — Turo Saint-Jacques.*

Tial la ŝtato energie intervenas ĉe la posedantoj por ke ili partoprenu la kostojn ĝenerale duone.

La *laboroj* estas duspecaj: grandaj riparoj ĉe muroj, fondaĵoj, tegmentoj, ĉarpentoj k.t.p. kaj nuraj laboroj de ĉiujara konservado. (fr. 1.500.000 jare)

Ĉiuokaze ili estas nur refortigaj, neniam plu restarigaj aŭ rekonsistigaj. Por tio mankas la mono.

Sed la preĝejojn detruitajn dum la lasta milito oni kompreneble devas rekonstrui kaj tio tre ŝarĝas la budĝeton. Feliĉe helpas al tiu giganta tasko privataj homoj kaj asocioj. Francujo ŝuldas apartan dankemon al S-ro Rockefeller, kiu helpis plurfoje por la katedralo de Reims kaj ankaŭ por la kastelo en Versailles.

Por propagando, prelegoj, monkolektado kaj interesigo al pluraj Amerikanoj admirinde helpis la *Sauvegarde de l'Art français*, privata organizo senlace gvidata de Duko de Trévise.

Ankaŭ tre helpas la *Franca Turing-Klubo* per siaj komitatoj pri pejzaĝoj kaj monumentoj.

Fine per leĝo de 10 julio 1914, ekfunkciinta en 1921, kreiĝis oficiale *Nacia Kaso por la Historiaj Monumentoj*, kiu jam ricevis kaj zorge administras en - kaj ekster - landajn donacojn. Estus por ni vera kontentigo se nia artikolo estus aŭdata trans la francaj limoj kaj helpus akiri novajn helpojn al la kortuŝa entrepreno por konservi tiujn arkeologiajn riĉaĵojn, sinsekve kreitajn de tiom da gentoj vivintaj sur franca tero. Ĉu ili ne prezentas fakte kelkajn el la plej belaj paĝoj en la Historio de Arto kaj plej puran ateston pri la homaj tracentjaraj sopiroj al belo kaj idealo?

Trad. Edm. P.

*Noto de la aŭtoro:* Tiun ĉi artikolon oni bonvolu traduki kaj represi en eksterlandaj gazetoj kaj afable sendi al mi tri ekzemplerojn (11, Place de la République, Moulins, Allier) por ebligi prezenton de tiuj represaĵoj al la Ministro de Belarto kaj al Turing-Klubo. Afablaj tradukintoj bonvolu doni sian nomon kaj adreson.



*Armorique. — Kalvario de Guimiliau.* (Kliŝo de l'Franca Turing-Klubo.)

# LITERATURO

## La paganta gasto

*De Kenelm Robinson.*

### I

Li estis tiel nomata « paganta gasto », laŭ la frazo ĉe la anglaj burĝaj familioj, kiuj volas pliigi sian enspezon, akceptante pensionulojn, sen konfeso per humiliga esprimo tia, kia la angla vorto « lodger » (Loĝanto).

Ja estas iom humilige, kiam ŝtatoficisto de bona rango devas akcepti fremdulon en la hejmon, tamen, kion fari se la edzino sopiras al aŭtomobilo, du infanoj iras al gimnazio, kaj la domo bezonas konstantan riparadon? Efektive, la rimedo ne estas malbona, la anonco tute digna estas.

En bonklasa familio estas eble akcepti sinjoron kiel pagantan gaston. Oni preferas muzikemulon, kiu amas infanojn. Troviĝas telefono, bela ĝardeno kaj stacidomo apude. Prezkondiĉo nepre modera. Plej altaj rekomendoj postulataj kaj proponataj. Skribu sub poŝtkesto 33.

Kuraĝinte fari la paŝon, la familio Forest atendis la sekvojn kun preskaŭa ekscitiĝo. Ili kredeble estis inter la unuaj legantoj de la anonco en la « Ĉiutaga Telegrafisto », kaj la saman vesperon ekkredis sin ankaŭ la lastaj; sed S-ino Forest sagace atentigis, ke eĉ al plej dezirema pagonta gasto povas manki sufiĉa tempo por tuja vojaĝo al antaŭurbo el la civito Londono. Krome, oni eble nun faras kolekton da rekomendoj; dume tiuj de la familio Forest estis jam pretaj. Oni donos unue la nomon de kuzo, pastro en malproksima graflando. Estas vere, ke rekomendoj venantaj de pastroj emas senvaloriĝi sur la rekomenda borso; oni scias, ke al pastro estas malfacile iun ajn rifuzi pri rekomendpeto. Tamen, pastro restas pastro, respektinda homo, kun nomo tuj trovebla en publika registro.

Poste estus eble citi advokaton, al kiu la familio Forest ŝuldis monon, kiu do restis en tre proksima rilato kun ĝi, kaj certe dirus kuraĝigan vorton al iu, proponanta pligrandigi la enspezon de la domo.

Ekzistis ankaŭ citinda loka dentisto kaj unu instruisto; nu, dentisto estas dentisto, kaj instruistoj estas instruistoj, homoj netolereblaj en la privata vivo, sed kun nomoj facile troveblaj en distrikta registro, kaj kapablaj skribi taŭgajn frazojn.

Entute do, la familio Forest ne timis pri la rekomendoj; problemo multe pli grava estis, kiun prezon postuli? Fine estis konsentite, ke S-ino Forest petu laŭ prijuĝo pri la vizitonto; ŝi ja restas hejme dum la tago, kaj unua ekvidos lin.

Proksiman matenon ŝi unue ekvidis lin tra la fenestro, serĉrigardantan la numeron de la domo. Bone, 88 Acacia Avenue. Li malfermis la ĝardenpordon kaj ekmarŝis al la domo.

Forŝovante la servistinon, ĵetante posten ŝian viŝilon, donante lastan puŝon al kelkaj vagemaj haroj, S-ino Forest rapidis al la pordo, kaj staris post ĝi, ĝis venos la sonorigo; tio estas, ŝi intencis resti ĝis tiu momento, sed pro ekscito preskaŭ tuj malfermis kun atendema esprimo sur la vizaĝo. Ŝi korektis la vizaĝon, rigardis la leterpaperon jam en la mano, kaj aŭdis — « kaj naŭ infanojn, el kiuj nuntempe du estas enlitaj pro morbilo. Mi mem ĉeestis universitaton, sed daŭra malsanetado malhelpis, ke... » Nur en tiu momento S-ino Forest retrovis sin. Al ŝi li tiel parolas, al vicprezidantino de la Hampstead filio de l' Nasklimiga Asocio!

« Tio ne malhelpis vin naski naŭ infanojn », estis la indigna elkrio, « vian leterpaperon reprenu. Propran mi uzos skribante al la ĵurnaloj pri tia afero, ke... » La kolportisto ne atendis la sekvon; li forrapidis kvazaŭ, laŭ konvencia anonco « Gardu vin kontraŭ la hundo », estus aperinta efektiva hundo. Dum resto de l' tago li malpliigis sian familion ĝis unu (unu tre kara) kaj kun miro rakontis la okazintaĵon nokte al la dommastrino; ĉar li estis fraŭlo.

S-ino Forest estis iom ĝenata de l'afero, sed iom post iom retrovis la trankvilon, kaj kiam post unu horo eksonis la sonorilo sentis sin tute ĉe si.

« Er... estis anonco pri... »

« Certe », respondis S-ino Forest, « envenu, mi petas ». Ĉion terure malorda vi trovos, tamen, estas mateno, vi komprenas, la servistino ankoraŭ ne havis tempon... » Ŝi ne aludis al sia laboro zorge malordigi kelkajn kusenojn, ĉifi ion, kio estus krime al la edzo aŭ infanoj, nek pri la taŭgaj libroj hazarde ĵetitaj sur la tablon de la salono, versaro de Omar Kajam, « Ĉetabla Babilado », de Hazlitt, la plej lasta primilita romano el Germanujo; taŭga miksaĵo.

« Kompreneble, vi komprenas, ke estas afero tute nova al ni, tiel akcepti pagantan gaston, tamen, nuntempe, vi komprenas, la vivkostoj estas tiom altaj, du infanojn ĉe gimnazio oni devas eduki. »

« Mi scias, sed vi miskomprenas la celon de mia vizito. Mi volas certigi la sukceson de via anonco, kaj tial venas proponi ĝian tridekoblan enpreson en tiom da Londonaj gazetoj, tagaj, semajnaj, dimanĉaj, kosto nur kvin... »

S-ino Forest ekdubis, ĉu ŝi povus travivi la rezulton de unu. Plej ŝatinda vizitando estis ĥina studento, sed ĥino! Provizi manĝon al ĥino, pri tio ŝi eĉ ne povis pensi. Neklaran ideon ŝi posedis, ke kutime hundidojn, kaj birdnestojn... nu, ŝi estis dirinta al la edzo, ke hindon ŝi ne rifuzos, efektive, ŝi sciis, ke hindajn studentojn oni kutime bonvenigas kiel pagantajn gastojn, sed ĥino, ne, ĝentila ŝi trovis lin, sed li aŭdis kun ioma surprizo, ke jam la anonco iĝis malvalida.

Alia, veninta pro la anonco, estis instruisto ĉe popollernejo, kaj S-ino Forest sciis, ke ankaŭ ŝia edzo estas ĉikaneme ekstrema; krom tio, la anonco klare diris, « Kiu infanojn amas ».

Ŝajnis, efektive, ke solaj « gastoj » restos la familianoj; efektive S-ro Forest, pro ofta foresto ĉe la Konservativa klubo, estis kelkfoje nomata de la edzino « la loĝanto ». Eĉ la infanoj komencis ŝajnigludon, dum kiu la knabo imitas hejmenrevenon al edzino « dommastrino », demandanta kun afekta zorgemo, « Ĉu li havas plendojn pri la servado de l' pasinta semajno? », kaj respondas al la fratineto, ke la malfrua laborado ĉe la oficejo... »

Tri tagojn poste, tamen, ĝuste kiam oni estis elpensinta planon saldi la hejman konton per aĉeto de motorbiciklo kun flankĉareto, anstataŭ aŭtomobilo, venis elĉiela sendito, en formo de junulo plej ĝentilmiena, kiu postulojn ne faris, nek ŝajnis eĉ aŭskulti, kiam S-ino Forest mencias pagon de tri gineoj ĉiusemajne.

Nur pri la telefono li montris plaĉitan intereson; klarigis, ke li ofte devos uzi. Kompreneble, dolĉe insistis S-ino Forest, li uzos ĝin kiel eble plej multe, certe pli multe ol la familio mem, ĉar efektive ili petis instalon nur por ke S-ro Forest povu telefoni de la oficejo, okaze de malfrua laborado. « Vi scias », ŝi diris, « kio estas ŝtata ofico ». « Efektive », estis la respondo, « mi ja devas: mi estas mem ŝtatoficisto ».

« Bonege, vi certe estos tre simpatia al mia edzo. Ha, jen mia fileto, reveninta el la lernejo! Georgo, salutu Sinjoron...? »

« Tottem. »

« S-ron Tottem. »

« 'tagon » respondis grunte la knabo. « Panjo, tiu bubo Evans ricevis de la patro biciklon, tute novan, kaj vi scias, ke Paĉjo promesis al mi antaŭ du monatoj... »

« Jes, jes », rapidis lia patrino, « nu, tre baldaŭ, sendube. » Preskaŭ tuj, dank' al tiu junulo. Sed tion ne vortigis S-ino Forest. La penso rezultigis kiel videblan efikon nur ĉarman ridon, tute sorĉan al tiu, ebligonta al la familio Forest aĉeton de aŭtomobilo, kaj (por la knabo) biciklo.

## II

Sinjoro Forest devis labori malfrue ĉe la oficejo tiun vesperon. Kia ajn estis la laboro, kiu tiom ofte tenis lin, certe neniam ĝi mildigis lin, kaj preta grumbli pri io li estis ĉiam ĉe reveno. Ĉi tiun fojon li ja havis kaŭzon, trovante en sia preferata brakseĝo fremdan junulon, kiu tute ne ĝenis sin, sed leviĝis por diri « Bonan Vesperon », kaj tuj residante, proponis al S-ri Forest, sian tabakujon. « Mi dankas, mi ne fumas », ĵetis S-ro Forest, kaj etendis la manon al gazeto, sed antaŭ ol la fingroj atingis..., « do, ni estas efektive kolegoj. Tre interese. Mi ĉiam asertas, ke ofico sub la ŝtato estas nepre la plej bona rimedo por eviti la laboron. La ĝena afero, tamen, estas, ke oni devas ĉeesti la oficejon. Nur hodiaŭ la estro de mia departamento riproĉis al mi, ke mi forestis la oficejon en momento, kiam li bezonis min; kiom absurde, kvazaŭ oni devus resti tutan tagon, nur pro ŝanco, ke... »

Sinjoro Forest posedis kelkajn junulojn de tiu speco en la propra oficejo, kaj trovi pluan, venante hejmen post longa labortago... Tamen, murdo ne okazis, kvankam li estis fortika, kaj la junulo pli svelta, ol larĝa. La murdo fariĝis malaktuala, malmoda, eĉ nekonvena en burĝaj rondoj.

Tamen, al S-ino Forest la nova familiano plaĉis, lia ĝentileco surprize plaĉis ŝin post tiom da jaroj pasigitaj kun la edzo, kaj ŝi facile pardonis fremdajn moretojn; eĉ lia kutimo, inviti al vespermanĝo amikinojn (neniam la saman dufoje) estis akompanata per tia ĉarma peto por permeso, ke ŝi neniel povis protesti, kvankam la ideo ke li povus baldaŭ edziĝi malvarmigis ŝin. Ŝi ne volis vidi malaperi la aŭtomobilon, jam oni estis paginta unuan monsumon *por* ĝi, kaj farinta unuan veturon *en* ĝi. La aŭtomobilo ŝajne partoprenis ŝiajn sentojn, ĉar dum tiu veturo ĝi tiom ofte haltis, ke estis neeble eĉ suspekti ĝin pri deziro malaperi.

Tottem ĉiam montris fieron pri sia loĝejo, kaj deziron ĉion montri al siaj vizitantoj, la salonon, la studejon, la ĝardenon, eĉ la propran litĉambron.

« Ĉu vi permesas, ke al mia amikino mi montru ankaŭ la propran ĉambron dum kelkaj minutoj? » « Sed, kompreneble », respondis S-ino Forest, interŝanĝante rideton kun la amikino. Nu, efektive, en 1929, kio estas tio? tiom pli al moderna virino larĝmensa, vicprezidantino de loka filio de l' Nask-limiga Asocio? Krom tio, ŝi povis scii, per la leteroj en lia tirkesto, ke li estas junulo tute bonkonduta, kion pruvis ankaŭ la preĝlibro sur la kamenbreto, kvankam li ne ĉeestis preĝejon, kaj eĉ, dummanĝe babilante, konfesis nekredon je religiaj dogmoj.

« Nu, S-ro Tottem, certe ĉiu devas konfesi, ke la dogmoj de la religio ne plu taŭgas en la moderna vivo. Pli da florbrasiko? Georgo, sonorigu por la servistino, ke ŝi enportu la pudingon. Mi memoras, ke la predikanto ĉe la Novspirita Templo, apud stacidomo Victoria, diras, ke nur la Amo (Mario, malbona knabino, tiel lasi la fabojn elfali el buŝo, ĉu mi ne ĉiam diris, ke vi ne tiom enbuŝigu samtempe?) ...nur la Amo estas necesa por la nova mondo, kiun ni devas krei. Ĉu vi iam interesiĝis pri la Novspiritismo? Tiom helpa, kaj la Teozofismo, ankaŭ, ties kunvenojn mi ofte (jes, pladojn forportu, kaj alportu kafon) mi ofte ĉeestis kun S-ro Forest, dum la tempo antaŭ la alveno de la infanoj ».

« Mi konfesas, ke neniam mi multe interesiĝis pri la diversaj religioj; mi estas ano de la Racionalista Eldonista Asocio. »

« Ha », respondis S-ino Forest, kaŝante sian nekomprenon, « la eldonaj aferoj lasis al vi malmultan tempon por interesiĝi pri la fundamentaj aferoj, kredeble. Georgo, kiom ofte mi devos peti, ke vi ne mordu la ungojn. Ĉu vi ne havas hejmlaboron farendan? Estas finite? Do, vi povos amuzi al S-ro Tottem; montru al li vian kolekton de poŝtmarkoj, aŭ ŝakludu, eĉ vi povus kun la fratineto ludi, sed ne interbatiĝu. La domon mi devos prizorgi, kaj ne havas tempon disponeblan por disigi vin aŭ bandaĝi vundetojn. »

Do, tiun preĝlibron sur la kamentubo ŝi ne bone komprenis. Kaptante fruan okazon rigardi ĝin, ŝi estis forte skuata. Tute ne preĝlibron ŝi enrigardas, sed francan vortaron, « Bellows French-English, English-French Dictionary ». Kiom trompa estas la kovrilo, kaj kiom suspektiga estas franca-angla vortaro, krom en manoj de studento aŭ fakulo, kaj kian intereson povas havi S-ro Tottem pri franca lingvo? Ŝia menso tuj saltis al mallumaj konjektoj; ja ĉiu scias, kiaj estas francoj, facilmoraj homoj, kaj franclingvaj aferoj estas tre malbonfamaj. Ŝi estis aŭdinta teruran historion pri familio en apuda strato, kiu akceptis francan instruistinon en la hejmo por perfektigi la infanojn pri la lingvo... sed ĉiu scias, kiaj estas francaj virinoj, kaj la viroj ankaŭ. Ĉi tiun aferon oni devos esplori.

La ĉambron esplori oni povis nur ĵaŭdon posttagmeze, kiam libertempis la servistino, ĉar ties foresto dum la dimanĉaj vesperoj ne utilis, dum ceesto de Tottem. Cetere, dimanĉo tute ne taŭgus al tia afero.

## III

Komence S-ino Forest trovis nenion novan, krom la libro « Nenio Nova el Okcidento », kiun ŝi estis leginta, kiel ĉiu sinjorino en la antaŭurbo Hampstead. (Karulino, la plej *terura* libro! Necesas nepre legi!) Tamen, subite, en unu el la tirkestoj, montriĝis kartona skatoleto, kaj jam laŭ la eksteraĵo ŝi sciis la enhavon. Ŝia koro tremis. Se ŝi eĉ estus suspektinta, ke li estas tia junulo, neniam li iĝus ano de la familio de Sinjoro Forest, ŝtatoficisto de bona rango, kies edzino estras en la loka virina societo, kaj estas vicprezidantino de la loka filio... sed S-ino Forest estis nelogika, kiel multaj virinoj.

Tamen, tuj forigi lin, ne estis eble. Oni ne povas akcepti iun en la hejmon, trakti lin kiel familianon, prezenti lin al ĉiuj amikoj, kaj tiam subite, sen videbla kaŭzo, malaperigi lin. Necesis por tiu ĉi afero la virina ruzeco.

Tottem eksentis tre baldaŭ, ke lia ĝentileco ne trovis tiom plaĉitan akcepton, kiel antaŭe, ke ĝi ne tuj vekis ĉarman rideton sur la vizaĝo de S-ino Forest. Sinjoro Forest ĉesis kaŝi sian opinion pri la juna generacio de ŝtatoficistoj, kaj unufoje eĉ petis Tottem malokupi lian preferatan seĝon. La infanoj montris sin malpli emaj, dum vespere ili faris sian hejmlaboron, lasi spacon sur la tablo liberan por li. Kiam li hazarde menciis iam, dum vespermanĝo, ke dum venonta vintro li volas studi francan lingvon, S-ino Forest respondis, intenceme, ke homo studema pli bone trovu sin for de infanoj.

Al la kutima demando, « Ĉu proksiman mardon povus veni al tagmanĝo lia amikino Fraŭlino Blake », S-ino Forest, kiu estis trovinta ŝin antaŭ du semajnoj « tiom simpatia, tiom ĉarma », trovis, ke ĝuste tiun nokton estus iom malfacile akcepti ŝin. Finfine, temis pri la telefono. Oni atentigis lin, ke ne estas juste, ke li pagu nur la koston de ĉiu alvoko, unu pencon, sen atento al la ŝtata abono. Se li devus uzi publikan telefonon la pago estus po *du* pencoj, kaj li ne rajtas profiti el la abono pagata de S-ro Forest.

Iun tagon S-ro Tottem anoncis al la familio, ke pro diversaj ŝanĝoj en liaj cirkonstancoj, li devos forlasi, kaj la konsterno estis granda. S-ino Forest diris, ke ŝia amo al li estis preskaŭ patrina, tia, ke neniam ŝi povus akcepti en la familion alian pagantan gaston. Efektive, ŝi neniam tion faris.

La aŭtomobilo pli bone veturis reen al la vendisto, ol iam dum ekskursoj. Eble ĝi sciis sin nur parte pagita, kaj havis konsciencon.

*(Rajto de represo aŭ de traduko nur laŭ interkonsento kun la aŭtoro.)*

## La petolema veturigisto

Originale verkita
de Georges Avril

Hela, radia, brulvarma la somera suno rostis la polvokovritajn herbojn randantajn la vojon. Sub la ŝirmtuko de la malnova duondifektita omnibuso, same kiel en forno ni bakiĝis.

Gaje la veturigisto alparolis iun ajn, kiu marŝis, rajdis, veturis aŭ staris sur la vojo. Al la junulinoj li ridetis kaj okulumadis ; al la junuloj ŝercon kriis ; al la maljunuloj diris « bonan tagon, avo » aŭ « avino » laŭokaze ; al la geknaboj vipbaton trompbatis ; al ĉiuj ridis, ridetis aŭ ridegis.

Kiam sur la vojo neniun li vidis, tiam li sin turnis al la veturigatoj, kaj laŭvice kun ĉiu el ili babilis. Familie kaj ruze li demandis tiun ĉi pri la celo de lia vojaĝo, tiun pri lia metio aŭ profesio, kaj la knabego estis tiel simpatia ke ĉiam oni lin respondis. Tiamaniere li estis sciigita : la pala fraŭlino iris la montlandon por resaniĝi ; la ruĝa apopleksiema viro, kies dika korpo du sidlokojn okupis, veturis vilaĝon por mendi fojnon, pajlon, ĉar li estis « armea liveranto » ; mi ankaŭ estis devigita klarigi la kaŭzon de mia veturado, kaj la parohestro, kiu de tempo al tempo ekdormetis, konigis ke li estis baptonta infaneton en paroho, kies pastro subite malsaniĝis.

Unu sola el la vojaĝantoj, nigre vestita kaj portanta volumenan plenegan paperujegon, ankoraŭ ne diris eĉ unu vorton. La interparoladon li ne aŭskultis kaj la pejzaĝon li admiris — aŭ ŝajnigis admiri. Fine pro scivolemego lin pikanta, la veturigisto eksplodis :

— Kaj vi, Sinjoro, kion vi faras ? Kien vi iras ? Kial vi veturas ?

La silenta veturigato turnis la kapon al la trudiĝemulo kaj malrapide ekparolis :

— Amiko, mi estas tiu, kiun vi ne konas ; mi veturas tien, kie vi ne scias ; kaj mi faros tion, kion vi ne pensas.

Tuj poste li silentis. Silentis same la scivolemulo, sed tre baldaŭ li sin klinis ĝis mia orelo. Tiam, mallaŭte sed sufiĉe laŭte por ke ĉiuj aŭdu :

— Mi tre bone scias, li diris ; tiu homaĉo estas leĝa persekutisto, kiu pretiĝas por juĝe preni la ĉifonaĵojn de iu malriĉulo...

La persekutisto — ĉar efektive la sekretema vojaĝanto estas persekutisto — aŭdante tiujn malagrablajn parolojn, tute ne koleris. Male, li afable, iom moke, ridetis kaj tre ĝentile sciigis :

— Ne, amiko mia, ne ! Mi ne estas persekutisto : dank'al Dio mi nur estas la ekzekutisto.

Ĝis la fino de la veturado ne petolis plu la petolema veturigisto.

Mi devas aldoni ke tiun rakonteton iam rakontis al mi la plej kredinda el ĉiuj Marsejanoj.

# Tra la Libraro

Kvara eldono (45-a milo) de la praktika kurso-libro de S. Rublev, eldonita de la Sov. Esp. Unuiĝo en Moskvo, pruvas se ne la bonegecon de la verko mem, ĉiuokaze la fortan movadon en tiu landaro, kie — jam antaŭ la milito — la nombro de esperantistoj atingas ne milojn, sed dekojn da miloj. Fakte ĝi estas senŝanĝa stereotipa represo de la antaŭa eldono, kune kun la sama tabelo da preseraroj. Tamen ekzistas teknika ebleco korekti preseraroj en la stereotipa metala tabularo: oni forigas izolajn literojn aŭ vortojn, anstataŭante ilin per aliaj.

Pli interesa estas dua eldono de la Rus-Esperanta Vortaro, verkita de Karmanov kaj Spiridoviĉ. La dua eldono, pli ampleksa, portas nur unu nomon: Spiridoviĉ. Ĝi prezentas senteblajn plibonigojn: pli granda nombro da rusaj vortoj, pli trafaj tradukoj iliaj en nian lingvon, pli klara preso kaj pli varia literaro. Estus nejuste filologie kritiki la vortaron, dum nia gazetaro ĝenerale laŭdas ĉiujn esperantajn vortarojn, ĉefe atentante pri la papero, bindaĵo, abunda nomenklaturo kaj plimalpli fama verkinto. Nia movado ne estas ankoraŭ matura por kribri la verkojn, ilin prijuĝi serioze, kun studema scio de la fako. Tamen, por esti utila al eventualaj legantoj, kiuj posedas la priparolatan vortaron, ni notos kelkajn punktojn. *abbat* estas ne nur abato, ankaŭ pastro. *avtor* krom aŭtoro, verkanto, verkisto, aldonu: verkinto. *alyj* aldonu: purpura, sangoruĝa. *arsenal* ald.: armilejo. *atlas* ald. kartaro por geografia senco, sateno por teksaĵo. Ŝajnas ke la verkintoj, kvankam rusoj, ne klare sentas la diferencon inter « bagrovy » koj « bagriany »: la unua estas bluruĝa, viola, violblua, kaj la dua: purpura, violruĝa, karmina. Du malsamaj vortoj « bes » kaj « ĉort » estas tradukitaj same: diablo. En rusa popola folkloro ili estas tre diferencaj; la unua ricevis kristanan nuancon de malbona demono, diablo. Sed la dua ankoraŭ konservas paganan prasencon de bonhumora feo, jen fortega, jen mizera, sed ĉiam naiva, trompata de vilaĝano. Estus pli trafe traduki ĝin: terfeo, koboldo, gnomo. *biĉ* ne estas skurĝo (nagajka), sed vipo. Tiu eraro estas tute pardonebla, ĉar verŝajne la verkintoj apartenas al la nova generacio, kiu ne konis la faman « kazackaja nagajka » (skurĝo de kazako), ludintan gravan « rolon » en cara reĝimo. *buryj* estas simple: bruna. Ni miras ke la vorto *burja* estas tradukita per: uragano, fulmotondro, ŝtormo. Mankas ja fundamenta senco: ventego. Cetere, fulmotondro ne estas « burja », sed « groza ». Male, la vorto *buŝevatj* estas ĝuste tradukita: ventegi, uragani. Sed kial la verkintoj foratentis tiun tradukon ĉe la substantivo, havante jam ĝin ĉe la verbo? Tro rapidema laboro? Aŭ reciproka fido, kiam ĉiu esperas ke lia kunlaboranto prizorgos tion, kion li pretersaltis? *buterbrod* en rusa lingvuzo signifas ne nur panpecon kun butero (kiel diras ĝia primitiva kaj etimologia senco), sed ankaŭ kun ŝinko, kolbaso, kaviaro, ktp. do, buterpano ne sufiĉas; ni preferas « sandviĉo », vorton tre internacian. Kaj homo-sandviĉo estas tiu reklam-portisto kiu marŝas kun du tabuloj, pendantaj sur liaj brusto kaj dorso. *korŝun* ne estas « vulturo », sed « milvo ». Vulturo estas alia pligranda birdo, nomata ruse: sip, goloŝeja, stervjatnik, grif. Nia antaŭmilita laboro pri eŭropaj birdoj, en kiu estis notitaj ĉiuj tiaspecaj eraroj, do restas vana, ĉar jen denove aperas vortaro, kiu ignoras penojn de antaŭuloj. La verkoj venas unu post alia en ŝrankojn, bele bindiĝas, rekte stariĝas unu apud alia, sed ilia enhavo ne elvokas atenton de novaj pioniroj. Oni do rekomencas malnovajn erarojn, kaj eble venos novaj homoj kiuj duafoje refaros saman korektigan laboron, kaj... eble... la sama sorto ripetiĝos.

Ne estas ĝojige ke en tiu poŝa vortareto, apenaŭ sufiĉa por

elementaj bezonoj de komuna uzado, troviĝas tiaj maloftaj kaj ne urĝebezonaj vortoj kiaj ja estas: aliena, alimento, arteza, bistra, cirkuito, dinamiko (dum 20 jaroj de nia esperantista vivo ni ankoraŭ ne aŭdis, nek legis la vorton « dinamiko »), erota, etudo, falsedo, frezilo, galanteria, ikono, kancelario, muskedo, partizano, primaria, selerio, translacii, uzbeko, zuluo. Sed, se iu vortaruzanto volos traduki per la vortaro la frazon: « Vy moĵete opozdatj k otĥodu pojezda » (Vi povas malfruiĝi por la vagonaro...), li ne tuj trovos, aŭ tute ne trovos la vortojn: opozdatj, otĥod (malfruiĝi, foriro). Tiu sola ekzemplo nur aludas kiom vana estas la emo de verkantoj doni grandan kvanton da specialaj radikoj, dum ankoraŭ ne estas donitaj plej simplaj, do plej necesaj, esprimoj. Per tio ni povas kompreni la malnovan paradokson ke estas pli facile verki dikan abundan lernilon, ol elementan, ĉar la plej simplaj aferoj estas la plej malfacilaj por eltrovi. — P. St.

---

S. Rublev, Kruĵok Esperanto, ĉastj I. 4-a eld. 1929 Moskva *CK. SEU*, IV + 60 p., 25 × 17.

E. Spiridoviĉ, Russko-Esperantskij Slovarj. 2-a eld. 1929 Moskva *CK SEU*, 176 p., 15 × 11.

---

## Ĉu vi komprenas tion?

Foliumante libreton « Manifesto de la Sesa kongreso de la Komunista Internacio » ni trovis jenan serpenton de frazo, ĉe kies legado oni vole nevole demandas sin, ĉu laboristo kapablas tion kompreni — eĉ en sia gepatra lingvo —. Jen la modelo kiu servu por ekzemplo kiel oni ne traduku en Esperanton.

« Rabe ekspluatante laboristan forton, elpremante ĉiujn ĝiajn vivsukojn, febre amortizante la organismon de la proletoj, fariĝantaj kiel simplaj suplementoj al la kapitalista tekniko, metinte je la servo al la ora idolo mirindajn inventojn de la scienco, aplikante novajn mirigajn maŝinojn kaj aparatojn, pli kaj pli malvolvante la glitrubandon de la rapidproduktado kaj elĵetante milionojn da proletoj sur la pavimon, donante al ili ŝtonon, anstataŭ pano, — la posedanto de la mondokapitalo — militmarŝas kontraŭ la rajtoj kaj liberecoj de la laborista klaso, ankoraŭ pli malaltigas ĝian vivnivelon, levas sangan glavon de la blanka teroro kaj sub artifika ŝirmo de trae mensoga kaj putra frazo pri la paco de la tuta mondo, submetas detruigajn fugasojn de la nova tutmonda milito.

Frazo kun 116 vortoj; ĉu oni malfermu konkurson por starigi rekordon pri longaj frazoj?

---

## Ni ridu!

Belegan penson esprimis la pastro Ĉe kiam li deklaris « se moderna kuracisto per rido volas sanigi la pacienton kial do ne uzi la saman rimedon por instruado? »

Samideano C. Walter, Berlin W 10, Hohenzollernstr. 11 uzis tiunu rimedon, kompilis kaj verkis belan « Gajaj horoj por esperantistoj » — 56 paĝa libreto enhavas aktualajn anekdotojn, serĉdemandojn, ŝercenigmojn, vort- kaj societludojn, ĉio por du respondkuponoj aŭ RM. -.55.

Bonega ideo! Tiu libreto certe havos bonan sukceson ĉar ĝi plenigos same gaje la tempon en esperantistaj rondoj kiel la horojn de izolaj esperantistoj. Do helpilo kontraŭ enuo — helpilo por kursgvidantoj kaj progresantoj tre rekomendinda vere gaja kaj sprita, havebla ĉe la verkisto.

# LINGVAJ STUDOJ

## Respondo al demandoj

Esperanto-klubo en A. demandas:

1. *Kial ekzistas adverboj kiel baldaŭ, morgaŭ dum estas regulo, ke la adverboj finiĝas per e.*

*Respondo:* Ĉar ekzistas en la Fundamento listo da vortetoj uzeblaj sen finaĵo kiel radikoj. Sed neniu malpermesas al vi ilin signe adverbigi: *baldaŭe, morgaŭe, troe, iome* aŭ substantivigi: *Zamenhofo, Edisono, Makdonaldo,* sed por plaĉi al kiu?

2. *« Ĉiuj substantivoj finiĝas je « o ». Sekvas el tio, ke ĉiuj vortoj, finiĝantaj je « o » estas substantivoj. Sed la vortetoj « do » kaj « tro »?*

*Respondo:* Ĉiuj azenoj havas du orelojn. Ĉu sekvas el tio, ke ĉiuj estaĵoj duorelaj estas azenoj? Koran dankon pro la sofismo. Zamenhof nenie skribis, ke ĉiuj vortoj en *o* estas substantivoj. Per *o* vi substantivigas radikon, per *i* vi ĝin verbigas. Ĉu tio ĝenas la radikvortojn *do* aŭ *mi, tro* aŭ *tri?*

3. *Por formi karesajn virajn nomojn oni uzas « ĉj », kiel oni elparolu ĝin? Ĉu « ĉ » aŭ « cj » ne sufiĉus?*

*Respondo:* « Ĉj » entenas la sonojn *t, ŝ* kaj *j* (mallongan i). « Ĉ » entenas nur *t* kaj *ŝ*. Same « cj » entenas *t, s.* kaj *j*, kio estas tre malsama ol la unua kaj dua, multe pli intersimilaj. La diferenco inter ili estas la « malsekigo » montrata per *j*.

---

Nia sindona delegito de UEA en Boston, S-ro Geo W. Lee demandas pri kelkaj diskutindaj esprimoj rimarkitaj de li en diversaj esperantaĵoj. Volonte ni respondas per ĉi subaj linioj.

*Alies* estas nova vorto jam ofte provita de kelkaj aŭtoroj por signifi « de alia persono » laŭ la modelo ies, ties, ĉies, nenies. « Ne prenu alies ĉapelon aŭ pluvombrelon! » Ni vidis leteron de D-ro Zamenhof en 1903 permesanta tiun « provon » private, sed ne esprimantan aprobon aŭ malaprobon. Por ĝi kiel por ĉiuj neologismoj findecidos la uzado.

Krom *alio* ni vidis jam foje ankaŭ *aliu, aliam, alial* sed neniam *aliel*, ĉar ekzistas jam *alimaniere*. *Alie* maloftiĝis por eviti konfuzon kun *aliloke*. El ĉiuj tiuj provaĵoj la plej sukcesa ĝis nun estis fakte *alies*, kredeble ĉar ĝi kontentigas pli urĝan bezonon. La opinio de D-ro Zamenhof estas la plej saĝa respondo.

« La universitato someras » estis ŝerca esprimo. En nia literaturo estas troveblaj « *El maro la roko grandegas* » kaj « *La maro senfine bluas* ». Ankaŭ « *Verdas la kampoj en malproksimo* ». Cetere estas egale diri « *mi ĝojas* » aŭ « *mi estas ĝoja* ». Same « *Vi fieras* » aŭ « *vi estas fiera* ». La diferenco ne estas en la senco, sed en la sento. La malpli ofta formo frapas imprese pro sia malofteco. Tio ne estas demando gramatika, sed stila.

« *Mi vidis lin enŝipiĝantan* » respondas al demando: « *ĉu vi vidis lin, jes aŭ ne?* » Sed « *Mi vidis lin enŝipiĝanta* » respondas al demando « *kiam vi vidis lin?* ». Ĝi havas sencon de « *Mi vidis lin enŝipiĝi* ». En la unua frazo, *enŝipiĝantan* estas nur kvalita, akcesora, en la dua ĝi estas la vera predikato kaj perdas la normalan akuzativon ĝuste por montri tiun apartan rolon.

« *Mi alvenis glitanta* » estas simila ekzemplo kompare kun « *Mi alvenis glitante* ». En tiu dua frazo la glito aperas kiel la rimedo, la respondo al « *kiamaniere vi alvenis?* ». Dume en la unua frazo « *glitanta* » estas nur kvalita, samkiel « malseka » aŭ « malsata ».

Edm. P.

# Bibliografio de Internacia Lingvo

De tempo al tempo, piediranto haltas, kaj returnen rigardas, por taksi la jam paŝitan vojon. Same, en ĉiu entrepreno, estas utile, post jararo, resumi la faritaĵon kaj firmigi ŝtupon al plua evoluo. Tion iniciatis, por nia lingvo, S-ro Wüster per la *Enciklopedia Vortaro;* bedaŭrinde, pro nesufiĉa disvendado, nur parto de l' verko ĝis nun aperis. Similan laboron ĵus finis S-ro P. Stojan, pri nia ĝenerala movado, kunigante, ordigante, komentarante la abundan materialon de la *Bibliografio de Internacia Lingvo.* Kun la Zamenhofa *Originala Verkaro*, kolektita de D-ro Dietterle, tiu Bibliografio, preskaŭ samtempe aperanta, estas la tria ono de triunuo, kies kompilintoj meritas nian admiron kaj dankemon.

S-ro Stojan ne limigis sian serĉadon al Esperanto, nek al aliaj sistemoj de helplingvoj; li vastigis ĝin, ampleksante ĉion, kio iel militis, vane aŭ sukcese, kontraŭ la baro de l' diverslingveco. Tial, li studis la provojn de universala alfabeto, de filozofia gramatiko, de logistiko, de pasigrafioj, aŭ la uzatajn gestlingvojn, ciferskribojn, internaciajn stenografiojn kaj signarojn. Tial ankaŭ li ekzamenas, pri la lingvoj greka, latina, franca, angla kaj germana, tion, kio rilatas al ilia internacia rolo.

Kiel promesas la titolo: Bibliografio, la dika volumo (560 paĝoj, oktavo) estas esence la listo de ĉiuj verkoj, kiuj traktis la ĵus cititajn temojn, kun montro de l' aperdato, loko, presejo, paĝnombro kaj formato. Pri la gravaj verkoj, tiujn informojn akompanas mallonga resumo, aŭ citaĵoj, aŭ rimarkoj de l' kompilinto. La verko, kaj ĝiaj diversaj ĉapitroj, estas prezentataj per atentindaj enkondukaj artikoloj. Do ne nura librolisto estas la Bibliografio; ĝi enhavas pri lingvistiko, pri helplingvoj, pri Esperanta evoluo, pri multaj verkoj interesan komentaron. Plie kelkaj portretoj kaj bildoj ĝin ornamas.

Profitante el la jam aperintaj librolistoj, el la libraro kaj dokumentaro de UEA, el diversaj kunlaboraĵoj, estas kompreneble ke la Bibliografio grandskale superas, ĉu la katalogojn de niaj eldon- aŭ vendfirmoj, ĉu la iaman katalogon de la biblioteko de G. Davidov, ĉu la kronologajn tabelojn en verkoj de Drezen. Ĉio atingebla estis uzata. Tamen ne senmanka povas esti la verko, ĉar tio estas ja neeblaĵo, kaj ankaŭ ĉar la limoj de la plugata kampo estas iom malcertaj.

La aranĝo de l' verko, grava por tia serĉilo, estas laŭdinda; la divido en ĉefaj ĉapitroj, la marĝenaj titoloj, la numerado de ĉiu aparta objekto, la cito ne nur de libroj sed de de ĉefaj artikoloj en revuoj, la tabeloj: sistema, alfabeta laŭ temoj, speciala por artefaritaj lingvoj, ĝenerala pri ĉiuj personnomoj, ĉio tio tre faciligas la uzon de l' libro. La partoj, kiuj plej interesos ne sole libramanton aŭ bibliotekiston, sed ordinaran leganton, estas la enkondukaj klarigoj, plenaj je originalaj pripensoj, la citaĵoj el gravaj verkoj, la opinioj de famuloj pri helplingvo, la listo de l' Esperantistaj gazetoj, kie tiom da mortintaj novnaskitoj svarmas ĉirkaŭ malmultnombra vivantaro, la listo de artefaritaj lingvoj, la kompara tekstaro kun 64 specimenoj el tiuj lastaj.

Certe la libro estos de nun « vere necesa por ĉiu serioza laboranto sur mondlingva kampo »; al ili ĝi signos la utiligeblajn fontojn, ĝi senbalastigos ilin je longa peniga antaŭpreparo. Por samideanoj, ĝi estos ofte konsultata informilo, precipe pro la pleneco de l' sciigoj pri esperanta literaturo, traduka kaj originala.

Kiom longa, malfacila laboro ĝi estis por la kompilinto, foliumante la verkon oni iomete konscias. Multon ni ŝuldos al li, al liaj helpintoj, al malavaraj donacintoj kiuj ebligis la publikigon, al S-ino A.V. Morris kiu aktive helpis kaj konsilis.



BIBLIOGRAFIO

de

INTERNACIA LINGVO

Historia sistema katalogo
de filologia, lingvistika kaj poliglota literaturo
pri universala alfabeto, filozofia gramatiko,
signaro, gest-lingvo, pasigrafio,
internacia helpa lingvo
kaj logistiko

ellaboris kaj komentaris

P. E. STOJAN
licencito en sciencoj

1929

Bibliografia Servo de Universala Esperanto-Asocio

*Reproduktaĵo de l'titolpaĝo.*

560 paĝoj, 24 cm alta, 16 cm larĝa
kun bildoj kaj grafikoj.

Kredeble fakulo, detale studante tiun amasegon da titoloj, facile trovos mankojn aŭ erarojn; posta aldono, aŭ pli posta reeldono, povos korekti aŭ kompletigi la listojn. Kelkfoje oni hezitas, pro la dividado, pri la loko, kie troviĝos celata libro. Ŝajnas ke mankas la subtitolo: « Lernolibroj, vortaroj, propagandiloj » komence de l' Esperanta parto. Kial, ekzemple, kritika verko de Leskien aperas inter germanlingvaj lernolibroj kaj ne en la ĉapitro: Kritiko de Esperanto? Aŭ kial estas citata paragrafo de lingvisto Bréal, sufiĉe malvarmiga, dum aliaj liaj asertoj, pli kuraĝigaj ne enestas? Sed tio estas kritiketoj, eble eĉ malpravaj. La ĉefa duba impreso se oni nepre volas trovi tian, devenas de la propra sinteno de la aŭtoro pri evoluo de Esperanto, kiu tre senteble malkaŝiĝas en liaj rimarkoj; pro tio la verko ne restis simpla scienca katalogo; ĝi respegulas firman personan opinion kaj eĉ fariĝas polemiketa. Tiun mikson multaj ne malŝatos, ĉar personaj ideoj estas multe pli interesaj ol sliparo; sed videbla inklino al simpligo de multaj radikoj, al novaj formoj, ne ĉiun kontentigos.

Ne povas esti la tasko de sensperta recenzanto science taksi la valoron de tia verko; li ricevus ion sur la nazon, se li enŝovus ĝin en lingvistikan diskutadon; li do konigu la verkon, atentigu pri ĝia graveco, pri ĝia spirito, pri ĝia celo, tiujn lastajn bone diros sekvantaj eltiraĵoj el la antaŭparoloj:

« ...Verkita en Svislando, ricevante sian moralan forton el Usono, kaj trovante materialon en diversaj landoj, grandparte en la Rusa, nia verko do rajtas sin prezenti ne nur kiel momente plej kompleta historia bibliografio de la mondlingvo, sed ankaŭ kiel vere internacia verko, resumanta kolektivan penadon de diversgentaj laborintoj... »

« ...Jam nuna Bibliografio multe ŝanĝas la aspekton de mondlingva literaturo kaj ĝia publikigo necesigos revizion de la historio de mondlingvo, historio kiu iĝas pli vasta, pli intime ligita kun tutmonda penso ol tion supozis Couturat kaj Leau... »

« ...Inter la sekaj linioj de tiu ĉi katalogo, sub la multeco de malsimilaj libroj, ĉu sciencaj, ĉu strangaj kaj fantaziaj, oni divenas la mizeron de l' disdividita homaro kaj samtempe ĝian aspiron al unueco. Tiu sopirego al pli klera homaro, kiu inspiris Descartes kaj Leibniz dum ilia tuta laborplena vivo, ĉi tie retroviĝas, erigita en ĉirkaŭ ses mil verkoj el ĉiuj popoloj, el ĉiuj epokoj, prezentataj de nia Bibliografio al la bonvolaj legantoj... »

G. S.

# PRI VERSFARADO

*De Amalia Nunez — Pamplona.*

Depost kelka tempo oni diskutas pri enkonduko de novaj formoj en Esperanto-versfarado. Tio kuraĝigas min skribi pri la hispana strofaro nomata *romanceo*, kies kondiĉoj sendube taŭgas por nia lingvo. Eble iu kontraŭdiros ke, se Esperanto ricevas formojn el aliaj lingvoj, ĝi riskas fariĝi arlekena vesto; sed mi pensas ke, en poezio, nenio estas propra; se plej alta leĝo de poetoj, nome beleco, plenumiĝas, ĉiu ajn formo, rimo, strofo naciiĝas. Ĉiuj naciaj metrikoj estas plenaj da importaĵoj kaj pri nenio oni povas pli ĝuste diri: Ĉio estas ĉies.

Pro tio se Esperanto akceptus la diritan hispanan formon, ĝi pliriĉiĝus per belsona, flua kaj taŭga strofaro. Laŭ nia tradicio, versfarado konsistas el kombino de akcentitaj (longaj) kaj ne akcentitaj (mallongaj) silaboj, el kio naskas diversaj ritmoj; nome: trokeo, jambo, amfibrako, k.t.p.; sed tiu principo, nature, ne estas nur Esperanta; ĝi devenas el la greka kaj latina. Tamen oni akceptas samtempe rimon, kiu ankaŭ ne estas originala, ĉar oni ĝin trovas, krom en la ekleziaj latinaj prozaĵoj, en ĉiu moderna lingvo.

Certigitaj do, ke ni riĉigos Esperanton per la akcepto de tiu nova formo, ni studu ĉu ĝi konvenas al la spirito de la Zamenhofa lingvo.

La vorto romanceo havas en hispana lingvo du malsamajn, sed rilatajn signifojn; nome: laŭ verko kaj laŭ strofo. En la senco de verko, romanceo estas poeziaĵo mezlonga, ordinare de eposa speco, devenanta de Mezepoko. La kolekto da mezepokaj romanceoj pritraktantaj heroajn homojn, batalantajn kontraŭ maŭraj invadintoj, kiel Cid, Rolando, Sep Reĝaj princoj, k.a. estas vera epopeo, tiel ke oni nomis ĝin la « Hispana Iliado ». Francaj, anglaj kaj germanaj verkistoj tie trovis inspiron por iliaj ĉefverkoj.

*Romanceo*, kiel strofo aŭ versformo estas versaro, ne nombre fiksita, kies karakteriza kondiĉo estas duonrimo, tio estas, egaleco de vokaloj el la lasta akcentita en ĉiu para vèrso, kaj senrimeco de neparaj versoj. Oni trovas romanceon uzita en ĉiaj hispanaj poeziaĵoj, ĉu eposaj, ĉu lirikaj, religiaj, amaj... Pli multo da scenoj de la gloraj teatraĵoj de Lope de Vega, Calderón, Tirso k.a. estas laŭ romancea formo. Tial oni prave diris ke romanceo estas la klasika versformo de la hispana literaturo.



Ni ja diris, ke kondiĉo de romanceo estas duonrimo aŭ egaleco de vokaloj el la lasta akcentita. En hispana lingvo ekzistas vortoj akcentitaj en la lasta vokalo — tio, kion oni nomas, laŭ franca metriko *vira rimo* — kaj en antaŭlasta vokalo, *virina rimo*. Estas ankaŭ vortoj akcentitaj en la tria antaŭlasta, sed maloftaj. Tial por asonance rimigi vortojn, oni devas atenti al du silaboj, se ili estas virinrimaj, ekz.:

*mi sentos, Rejno, rezedo*

kaj nur al unu silabo se ili estas vir-rimaj, ekz.:

*sep, arane, jes*

La ĉefa refuto al tiu rimsistemo estus ŝajne, ke la rimotaj vortoj devas esti samspecaj: aro ĉu da nomoj, ĉu da adjektivoj. Tio ne difektos, se oni atente pririgardas la aferon. Ekzemple: rimon a-a oni povas trovi ĉe adjektivoj (klara, sankta, blanka), participoj (amanta, amata), verboj (li amas), adverboj (anstataŭ).

Saman kontraŭstaron oni faris al tuta Esperanta versfarado. Ordinare estas neeble rimigi du malsamspecajn vortojn...; sed Grabowski en sia majstra *Sur unu kordo* plene pruvis la malon.

Hispanajn verkistojn tio ne timigas; tiel S. Juan de la Cruz, unu el la plej altaj kolonoj de Mistiko kaj klasikulo de la Ora jarcento de hispana literaturo, havas romanceon, kies rimo konsistas el finiĝoj de preterito de regula verbo... kaj tiu romanceo tamen aperas en Antologioj. Certe la adasismo trafis detrui nek majestan belecon de la penso, nek muzikecon de la vortoj.

Klasika romanceo estas oksilaba; sed oni ankaŭ verkis samajn strofojn per 5, 6, 7, 11- silabaj versoj; ĉefe post la itala idiĝado de hispana metriko (16 jarcento) estas tre oftaj la 7 kaj la 11- silaba nomita *heroa romanceo*.

La ritmo en hispana lingvo estas tre libera, sed en Esperanto ja oni devas reguligi ĝin. Uzante plenan rimon, certe oni povas pardoni iomete al ritmo, kaj uzante perfektan ritmon oni povas forigi rimon. Mi kredas ke, uzante duonrimon, t.e. asonancan rimon, necese oni devas respekti la regulojn pri ritmo. Plej deca ritmo por oksilaba romanceo estas la trokea metro; se oni forigas la lastan silabon, restos sepsilaba romanceo kun vira rimo (mi tion diras laŭ Esperantaj reguloj, ĉar laŭ hispanaj, oni kalkulas unu silabon pluan al vira rimo, tiel sep-silabaj virrimaj versoj estas samlongaj ol oksilabaj virinrimoj.) Por la dekunusilibaj romanceoj decos la jamba mezuro.



Ĉar fundamento ne malpermesas asonancon, mi kuraĝas proponi tiun-ĉi modestan ideon al niaj poetoj. Ili bone studu la aferon, kaj mi certigas, ke se ili uzas tiun versformon, en ĝi ili trovos taŭgan ilon por esprimi sentojn, de la plej heroaj ĝis la plej karesaj; samkiel okazas en hispana lingvo, kies metriko estas sendube plej simila al Esperanta el ĉiuj latinidaj lingvoj.

Kiel pruvon mi aldonas tradukon de moderna poeziaĵo.

### LA ŜIPO

*La restintoj en haveno*
*Kiam ŝip' malproksimiĝas*
*Diras — Ĉu ili revenos*
*Al la patrolando iam?*

*Kaj la homoj sur la ŝipo*
*Pensas kun dolor' pri siaj »*
*« Eble kiam ni revenos*
*Estos ili foririntaj. »*

---

## Preĝo de l'birdidoj

(**Trofieajo = dusilaba ritmo**)

Dia Suno!
Patro nia!
Nia alta protektanto!
Per la helaj viaj varmaj sunradioj donu vian benon!
Donu al gepaĉjoj vivon la plej sanan!
Ve, se ili mortos, dum ni estas etuletoj, kiu metos la muŝetojn en la tute malfermatan bekon nian?
Dia Suno!
Patro de la homoj kaj de la birdidoj!
Ne konsentu ke la knaboj senkompataj al ni ĵetu ŝtonojn dum ni dormas! Ĉar la karaj gemuntintoj de la nesto estas malfortikaj, la dometo facilrompa kaj ni mem, ni mem, ve, facilmortaj!
Dia Suno!
Forkonduku for de l' vojo nia la manĝemajn grandbirdegojn eble pli kruelajn ol la knaboj!
Gardu nian elplektitan pajlan neston kontraŭ la okuloj rondaj de la strigoj!
Estas ni ankoraŭ etuletoj, ni ne kantas, malakorde ni kripepas! Tamen kiam ni de vi lulitaj, dorlotitaj, iĝos grandaj, grandaj kiel panjo, ni elkantos tiam je honoro via. Suno, la plej dolĉajn, la plej ĉarmajn, melodiajn prikantaĵojn!
Dia Suno! Vian benon!
Tiel estu.

(*Saldanha Carreira.* — *Lisboa.*)

---

## LA VERDA STELO

Marie HANKEL †

*La bela verda stelo*
*Kviete brilas jen,*
*Ĉi estas alta celo,*
*Allogas nin... kien?*

*Steleto, kara mia,*
*Kion do volas vi?*
*La brila lumo via,*
*Kion alportas ĝi?*

*La stelo, bela, klara,*
*Mallaŭte diris ĝi:*
*Mi petas, mia kara,*
*La fratojn amu vi!*

---

## La Venecia komercisto

(*Amerikana sprito*)

Komercisto Venecia, kiu vivis tre lukse, renkontis ĉe Rialto amikon kiu salutis lin, ne vidinte lin jam de certa tempo. « Kiel do ? » ekkriis la amiko « kiam mi vidis vin la lastan fojon, via vestaĵo estis ĉifonita — kaj hodiaŭ vi veturas en propra gondolo ? ».

« Estas tiel », respondis la Venecia komercisto, « sed de tiam mi havis grandajn perdojn kaj necesis ke mi trovu interkonsenton kun miaj kreditoroj per dek procentoj. »

Moralo : Interkonsento vivigas la komercon.

Laŭ G.T. Lanigan.

## Oni dankas

*** S-ro L. Blot, Del. de UEA en Angers, kore dankas al S-ro Johannes Del. en Düsseldorf kaj al S-ro Jung, Del. en Köln por afabla akcepto kaj gvido.

*** S-ro Jens Schjerve, VD de UEA en Oslo, Norveg., kore dankas al la Delegitoj kaj iliaj helpantoj en Sevilla, Barcelona, Palma de Mallorca kaj Soller en Hispanujo, Ceuta en Hispana Maroko por iliaj klopodoj servi la anojn de dana kaj norvega karavano vizitinda la menciitajn havenojn per la luksa turistŝipo « Stella Polaris » dum pasinta aŭtuno.

*** S-ro Andrés Piñó, Delegito de UEA en Valencio (Hisp.) kore dankas al S-ro Max Mittag, Delegito en Hannover (Germanujo) por afabla kaj grava servo al sia deksesjara filo Raymond, dum reven-vojaĝo al hejmo tute sola, post duonjara restado en Germanujo por lerni la lingvon.

*** S-ro C. G. Chinn, ano de UEA, Welwyn Garden City, Herts., Angl., tutkore dankas al la Delegitoj kaj aliaj samideanoj en Bruĝo, Bruselo, Antverpeno kaj Gento pro amika akcepto sindonema helpo dum vojaĝo en tiu lando, vere vivanta parto de Esperantujo.

*** F-ino Julie Ŝupichová, instruistino en Praha kore dankas S-ron H. Bederlunger, sen., Del. de UEA en Innsbruck por afabla plenumo de servopeto.

*** S-ro G. Baire, Delegito kaj honora Membro en Boulogne-sur-Mer, dankas tutkore la sekvantajn samideanojn, kiuj tre afable kaj amike akceptis lin kaj donis al li multe da helpoj kaj facilaĵoj dum vojaĝo en Hispanujo kaj Portugalujo: S-roj Rodrigo Almada, S-ino Almada kaj Nicolas de Pablo, el Badajoz; de Saldanha Carreira, el Lisboa; leŭtenanto Pereira da Costa, el Coimbra; Castillo Rueda, el Sevilla; Juan Solé Granell, el Tarragona; Bort Barbosa, Delfi Dalmaŭ, José Bayon kaj J. Anglada, el Barcelona; ktp.

*** S-ro Charles Rosen, UEA-ano el La Chaux-de-Fonds, sincere dankas, pro afablaj akceptoj kaj servoj dum antaŭnelonga vojaĝo, al la D, VD kaj nombro da aliaj gesamideanoj en la jenaj lokoj: Helsinki, København, Hamburg, Bremen, Köln a/ Rr., Amsterdam. Koran saluton al ĉiuj.

*** D-ro Inĝ. Luigi Puppo, Genova, kore kaj sincere dankas la Delegitojn en Stuttgart, Frankfurt a.M., Köln, plie al la sekretariino de la Esp. Grupo en Düsseldorf pro afablaj servoj dum vojaĝo. Tute specialan dankon al Prof. Christaller, kiu min vizitis en la hotelo, okaze ke mi fartis malbone.

*** S-ro H. Dresselhaus, MD de UEA en Dortmund, korege dankas al la Delegito de UEA en Sofia, S-ro Atanasov por dufoja grava servo; li tradukis partojn el malnovbulgara hagiografio kaj tiel treege ekinteresigis por nia afero, estron de la urba biblioteko.

*** S-ro Hugo Hennig, Ano de UEA el Riesa, German., kore dankas la delegiton de UEA en Domazlice Ĉeĥoslovakio, S-ron Drvota por ege afabla servo okaze de aŭtomobila vojaĝo. S-ro Hennig plie diris: Mi ŝuldas al li koran dankon kaj ankaŭ al UEA pro la bona funkciado de ĝia teritoria organizo.

---

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA




**Bulteno 2.**

*Adreso:* Sekretario, 22a Kongreso de Esperanto, 142 High Holborn, London, W.C. 1, Anglujo.

*Aliĝiloj:* Baldaŭ haveblaj ĉe la ĉefaj gazetoj; nun haveblaj ĉe la kongresa oficejo en Londono.

*Blinduloj:* Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage, sed iliaj aliĝoj devas esti aprobitaj de S-ro W.P. Merrick, Penso, Shepperton, Middlesex, Anglujo.

*Blindula Kaso:* La L.K.K. volonte ricevos donacojn por ebligi, ke blinduloj partoprenu la Kongreson. F-ino « Sennomulino » jam promesis donaci al la komitato cent ekzemplerojn de anglaj manfabrikaĵoj por vendo dum la Kongreso por helpi al ĉi tiu kaso.

*Donacoj:* La L.K.K. volonte ricevos donacojn por helpi al la plena sukceso de la Kongreso.

*Ekskursoj postkongresaj:* Krom Postkongreso en Londono, kiun aranĝas la Londona Esperanto-Klubo, la L.K.K. aranĝas ekskurson al la bela angla laga regiono kaj al Devon (la angla Riviero).

*Fakaj kunvenoj:* Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

*Garantia Kapitalo:* La L.K.K. zorge penos eviti ian financan deficiton, sed por certigi kontentigan bilancon, ĉi tiu kapitalo estas fondita. Sumo jam garantiita: £76. 10ŝ. 0p.

*Glumarkoj:* Oni nun presigis belajn kongresajn glumarkojn (kiujn desegnis S-ro W.H. Matthews, Radio-Redaktoro de *International Language*). Prezo por cent: unu ŝilingo brita.

*Help-Kongresanoj:* Tiuj, kiuj ne povos ĉeesti la Kongreson, povas tamen aliĝi kiel help-kongresanoj po dek ŝilingoj. Ili ricevos la kongres-insignon kaj dokumentojn post la Kongreso.

*Koncertoj:* La L.K.K. danke ricevos kaj zorge konsideros fruajn proponojn deklami, kanti, ludi, ĉe kongresaj koncertoj.

*Kongresejo:* la Urbdomo de Oxford.

*Kostumdancoj:* Anstataŭ prezenti ĉi tiujn dum la balo, oni aranĝos apartan vesperon, kiam oni prezentos ilin sur estrado, por ke ĉiu bone vidu. La sekretario plezure ricevos proponojn de kongresanoj, kiuj povos inde prezenti tiajn dancojn, precipe naciajn.

*Kotizo:* Por ĉiu kongresano senescepte: 20 ŝilingoj britaj (proksimume 20 germanaj ormarkoj, 25 svisaj frankoj, 12 nederlandaj guldenoj, 5 usonaj dolaroj). Estas oportune sendi la kotizon per brita ŝtata monbileto por unu funto sterlinga, havebla ĉe bankoj kaj monŝanĝejoj en multaj urboj, kiun oni sendu per registrita letero antaŭ la 1-a de julio. *Post tiu dato la kotizo estos 30 ŝilingoj.* Aliĝu jam nun kaj helpu la laboron de la L.K.K.

*Loĝado:* Kiel eble plej baldaŭ oni dissendos loĝmendilojn. Intertempe, povas esti, ke la jena informo utilos:

Hoteloj: lito kun matenmanĝo, po 5 ĝis 7 ½ ŝilingoj ĉiutage. (Alilandoj notu, ke la angla matenmanĝo estas sufiĉe ampleksa). Oni esperas aranĝi pli malkarajn loĝejojn.

*La L.K.K. ne garantios loĝejon al iu ajn kongresano kies aliĝilon ĝi ne estos ricevinta antaŭ la 1-a de julio.*

*Loka Kongresa Komitato:* Kunvenestro, Robert Robertson (Honora Sekretario de B.E.A.); Kasisto, Paul Blaise (Komisionano de UEA., Kasisto de B.E.A.); Sekretario, C.C. Goldsmith, F.C.I. (Administranto de B.E.A., Brita Sekretario de U.E.A.); Komitatanoj: S-ino M.L. Blaise, L.K.; F.B. Bourdillon, M.A., C.B.E. (en Oxford, ekslektoro pri modernaj lingvoj ĉe Kolegio Balliol); J. Brennan( en Oxford); R. East (en Oxford); W.A. Gething (ano de la Administra Komitato de B.E.A., Sekretario de la Sud-Mezlanda Federacio de B.E.A.); J. Merchant (Prezidanto de I.C.K. kaj B.E.A.); L.N. Newell (Ĉefredaktoro de International Language, Konsilanto de B.E.A., ano de la Administra Komitato de B.E.A.); F-ino V.C. Nixon, B.A. (Konsilanto de B.E.A.); W.J. Rayson (en Oxford); K.R.C. Sturmer (Vic-Ĉefredaktoro de *International Language*, Konsilanto de B.E.A., ano de la Administra Komitato de B.E.A.); F.E. Wadham (Prezidanto de la Londona Esperanto Klubo).

*Manĝoj:* La ordinara prezo por lunĉo en restoracio estas 2 ½ ĝis 3 ½ ŝilingoj, sed oni povas ankaŭ ricevi pli simplan lunĉon por unu ĝis du ŝilingoj. La temanĝo kostas naŭ pencojn ĝis du ŝilingoj. La vespermanĝo, 1 ½ ĝis 5 ŝilingoj.

*Monŝanĝejo:* Barclay's Bank, Ltd. (adreso: The Old Bank, High-Street, Oxford) prizorgos monŝanĝejon en la Kongresejo dum la semajno. Ĝi ankaŭ akceptos kredit-leterojn por kongresanoj el tuta mondo. Oni korespondas Esperante.

*Oficiala organo:* Ĉiu kongresano ricevos la gazeton *International Language* de januaro ĝis aŭgusto, kaj poste la numeron kiu enhavos la raporton pri la Kongreso. Se kongresano jam abonis la gazeton, oni esperas, ke li ne ĉesigos la abonon, sed fordonos la pluan ekzempleron por propagandaj celoj.

*Prezidanto de la Kongreso:*

Bernard Long, B.A. (Konsilanto de B.E.A.).

*Vic-Prezidanto de la Kongreso:* Profesoro W.E. Collinson, M.A., Ph.D. (Profesoro pri Germana Lingvo kaj Honora Profesoro pri Filologio ĉe Universitato Liverpool. Vic-Prezidanto de B.E.A.).

*Protektantoj:* La nomaro de la protektantoj de l' kongreso aperos en la venonta bulteno.

*Somera Universitato:* La L.K.K. daŭrigos la Someran Universitaton, kaj esperas doni detalojn en la venonta bulteno.

*Statistiko de aliĝoj:* Anglujo, 81; Belgujo, 2; Francujo, 3; Germanujo, 9; Irlando, 1; Polujo, 2; Skotlando, 18; Entute 116 el 7 landoj.

(Laŭ *Int. Language.*) Jan. 1930.

C.C. Goldsmith.
*Sekretario:*

---

**Pro subita ŝanĝo**
**ni devis ellasi la anoncetojn pri korespondado, kiuj aperos en la venonta numero.**

## HELPU SERĈADON !

La germana gazetaro raportis pri nekonata malfeliĉulo jene: Ĉi tiu, evidente surdmutulo, jam foje en Junio 1929 estis ekkaptita en Olbernhau, Saksujo, kaj rifuĝejigita en malsanulejo pro senloĝeco kaj plenkorpa elĉerpeco. La helpbezonanta fremdulo ne havis legitimacion. Li ne sukcesis, informi pri sia persono. Laŭ kuracista konstato li suferis pro kor- kaj laringo malsanoj.

Per signoj iom post iom li komprenigis al sia flegantoj, ke li estas 30 jaraĝa kaj havas profesion de aŭtomobilveturigisto. Post resanigo li migradis kaj atingis Dresden, kie oni lin ekkaptis kaj ree rifuĝejigis en malsanulejo, Julio 1929. Plej seriozaj esplorokupoj rezultigis, ke li nur povas legi latinskribitajn literojn, sed ne germanskribitajn. Al ofte kaj nur skribe ripetitaj demandoj li ĉiam skribe respondis same, ke li nomiĝas

Hugo Posner, veninta el Siberio.

Tiamaniere oni sukcesis sciiĝi, ke liaj gepatroj jam mortis.

La malfeliĉulo impresas, ke li emas nepre doni informojn, sed ne sukcesas pro nekonataj korpaj malhelpaĵoj. La ĝisnunaj eksperimentoj ne permesas dubon, ke lia stato estas vera, tute ne ŝajnigita.

La fremdulo estas alta 175 cm, maldika, hararo nigra kaj longa, nazo kurblinia. En la supera makzelo li havas kvar artefartitajn dentojn el oro. Lia vesto estas brunkolora sen veŝto, sportĉemizo brunmakulita.

Kiu povas doni informojn pri la deveno de ĉi tiu malfeliĉulo? Informojn oni adresigu al

Arthur Pohle, Krim. Komisario, Dresden, Schiessgasse 7, Polica prezidejo, ĉambro 78. — Polizeipräsidium, Zimmer 78.

## Internacia Stenografio kaj Esperanto

La 31a kongreso de la National-Stenografio, okazinta en Potsdam 1929, faris gravan decidon pri Esperanto. La eltrovinto de la National-Stenografio, nun nomita « Deutsche Kurzschrift » (Germana Stenografio) generalmajoro de Kunowski, aliiĝante sian sistemon, faris el ĝi tiamaniere la Internacian Stenografian por ke ĝi povu esti uzata de ĉiuj popoloj. Ĉi tiu Internacia Stenografia sistemo havas jam multajn anojn kaj amikojn en diversaj landoj. Pro tio la kongreso de la anoj de la « Deutsche Kurzschrift » fondis por la internaciaj stenografoj Tutmondan Asocion kies regularo en la paragrafoj 11 kaj 12 diras ke oni elektis Esperanton kiel publikigan lingvon kaj ke oni plejeble kunligu eventualajn kunvenojn kun aliaj internaciaj kunvenoj, ekzemple kun la internaciaj Esperanto- kaj stenografikongresoj. Dum la priparolado, kiun partoprenis ankaŭ la estraro de la Potsdama Esperanto-Asocio, oni deziris kiel komunan celon de ambaŭ movadoj ke ĉiu infano lernu Esperanton krom la gepatra kaj la Internacian Stenografion krom la longskribo.

Estas rimarkinde ke en Potsdam la Stenograf-Unuiĝo « Hevella » kaj la ĉi-tiea Esperanto-Asocio interligis sin jam depost kelkaj jaroj al komuna laboro por komunaj celoj. Ekzemple nun la « Hevella » havis en sia belega ekspozicio ankaŭ specialan Esperanto-fakon.



## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO JEAN TARBOX, MA de UEA 22640: laŭ reveno de la gazeto, 1929. Halcyon, Kalifornio.

F-INO B.C. SAUNDERS, MA de UEA 34511, Washington, 1929.

F-INO OLGA KOVAĈEVA, 22 jara samideanino, 20 Sept. 1929 en Ruse, Bulgarujo.

S-RO ORFEO FERRI, M. de UEA en Voghera, Ital., 21 Dec. 1929.

S-RO PETRO TÖRÖK, pioniro hungara en Debreczen, 73 jara, 28 Novembro 1929. Profesoro de geografio kaj natursciencoj en la reformita kolegio en Debreczen. Li verkis la unuan pli kompletan vortaron Esperanto-Hungaran kaj postlasis manuskripton de Hungar-esperanta vortaro. Krom tio aro da aliaj verkoj, hungara lernolibro, sintakso, porĉiama kalendaro k.a. Fervora stenografo li jam instruis tiun arton kiam ĝi estis ankoraŭ konsiderita kiel novaĵo. Ano de la kalvinana eklezio li elektiĝis presbitero kaj estis ankaŭ elektita membro de la urba deputitaro. Fidela ano de UEA li okupis dum pluraj jaroj la postenon de Delegito. De kelkaj jaroj malsana li perdis edzinon kaj ankaŭ ne povis viziti la kongreson en Budapeŝto, kiu honoris tiun maljunan batalinton per saluttelegramo. La enterigo okazis 30 Nov. 1929 kaj en la nomo de la esperantistoj adiaŭis lin ĉe la tombo D-ro Julio Zempléni. Bona, helpema kaj fidela, rajte staru sur lia tomboŝtono. — P. B.

F-INO E. THOMAS, Ano de UEA 31645, en Meissen, German., Dec. 1929.

S-RO NIKOLAO BLUMBERGS, UEA-ano 15834-a kaj kursgvidanto ĉe Latva Esperanto-Societo, Riga, Latvolando, perdis sian patron.

S-RO JEKABS GRANTS, UEA-ano 28998, Aizpute, Latvolando. 17.IX.29.

*Sinceran kunsenton !*

# Marie HANKEL †

Marie Hankel jam ne vivas! Preskaŭ 86jara ŝi iris for el nia rondo, ankoraŭ en la lastaj horoj vigle interesiĝinte pri niaj laboroj, esperante partopreni la germanan kongreson je Pentekosto 1930. Ŝi forlasis tiun teron post longa, benita kaj riĉa vivo, kaj ŝia morto estis bela, eksterordinara. Laŭ la atesto de ŝia kuracisto kaj de ŝia longjara servistino ŝi eksidis, levis la brakojn kaj ĝoje diris: « Ho, kiom bele, kiom belege! Jes, mi venas, mi venas! » Ŝi mortis, simbole, en la unua horo de la 15a de Decembro 1929, de la 70a naskiĝtago de D-ro Zamenhof, kaj ĉiam por tiuj, kiuj konis ŝin, ne, por ĉiuj Esperantistoj la memoro al tiuj ambaŭ herooj de la paco estos kune festata.

Ni dankas al Marie Hankel, ke ŝi jam en 1905, aŭdinte pri la ideo kaj lingvo Zamenhofaj, entuziasmiĝis pri ili, ke ŝi tuj aliĝis al la unua rondo de Esperantistoj en Dresden, ke ŝi 1906 helpis fondi la « Societon Esperanto Dresden » kaj de tiam senlace kunlaboris en ĝi, ke ŝi estis unu el la organizantoj de la 4a Universala Esperanto-Kongreso Dresden 1908, reprezentis germanajn Esperantistojn ĉe Universalaj kongresoj kaj manifestadoj Esperantistaj, ke ŝi donis al ni valorajn donacojn literaturajn kaj kiel fondintino de « Esperantista Literatura Asocio » donis al la E-movado dum multaj jaroj literaturan centron, valoran por nia lingvo. Ni fiere partoprenis en ŝia gloro kiel reĝino de la floraj ludoj en Barcelona 1909, kaj ni ne forgesos, ke ŝi pro la multaj grandaj taskoj ne forgesis siajn laborojn en la plej proksima ĉirkaŭaĵo — ke ŝi de Januaro 1909 ĝis la lundo antaŭ sia morto ĉiulunde gvidis la Orientan Grupon de la Loka Societo Dresden kun fervoro, lerteco kaj multa, multa amo! Kaj ĉiu, kiu iam venis al Marie Hankel kun peto aŭ demando pri Esperanto, atestos, ke li ricevis konsilon kaj helpon kaj ĉiam en afabla, bonkora maniero! Ni ne forgesos ŝin, la plej noblan kaj bonan, la plej modestan kaj dankeman, la plej esperplenan kaj persistan, la plej diligentan kaj fervoran, la plej entuziasmigitan kaj entuziasmigantan el ni ĉiuj, ni neniam sufiĉe dankos ŝin, la virinon kun la pura, infana animo, kiu tamen pro Esperanto povis esti vire energia kaj plena de sankta fervoro, kaj nia danko estos: Agi laŭ ŝia ekzemplo por Esperanto kaj la paco!

Ŝi ripozu en paco, nia kara, amata Samideanino, nia reĝino, nia rozo, nia avinjo, kaj kiel lumis al ŝi ĉi tie la bela verda stelo, pri kiu kantis ŝia poemo, tiel lumu al ŝi nun la eterna lumo!



Ĵaŭdon, la 19an de Decembro, en la halo de la kremaciejo de Dresden multaj gesamideanoj ĉirkaŭis la ĉerkon kiu, ornamita de verdstela flago, dronis sub amaso da belaj florkronoj. La rigardojn altiris belega kuseno el blankaj azaleaj floroj kun kvinpinta stelo el freŝverda musko, dediĉita de Germana Esperanto-Asocio kaj Loka Societo Dresden kaj grandaj laŭrokronoj de Saksa Ligo, Saksa Esp.-Instruistaro, Orienta Grupo Dresden kaj E-Junularo Gohlis. Orgeno ludas Mozart, violono (JOHANNES ENGST) kantas « Esperantujo » laŭ melodio de Ménil, germana psalmo kondukas al la parolado de la pastro, kies teksto estis « *Tiuj kiuj konsilas al paco, kreas ĝojon* », kaj tiuj finis per la konstato, ke tiom benita vivo finiĝinta per tiom bela morto rajtigas al danko kaj ĝojo, kaj tiel eksonis ankaŭ, kantita de HELGA KOLBE, « *Haleluja* » de Mozart. Ĉe la ĉerko paroladis nome de GEA, ICK kaj UEA D-RO HEINRICH ARNHOLD, citante la meritojn de Marie Hankel por nia movado pro kio ŝi estis nomita Honora Membro de GEA kaj Loka Societo Dresden kaj ke ŝi posedis la Honor-stelon de GEA. Poste la Prezidanto de Loka Societo Dresden, JOHANNES KARSCH esprimis la sentojn de la Dresdenaj Samideanoj kaj lernejestro HAHN paroladis por Germana E-Instituto, Instruistaro kaj E-lernejinfanoj, kies gardanĝelo Marie Hankel ĉiam estis. Preĝo kaj beno de la pastro, poste laŭ melodio de Cl. Braun la kanto de Marie Hankel « *La bela verda stelo* » kantita de CELESTE POLLATZ, kaj fine, dum la malsupreniĝo de la ĉerko, de la sama kantistino nia *himno Esperantista* — vere inda fino de tiu vivo dum ĝia lasta kvarcentjaro preskaŭ senescepte dediĉita al Esperanto! Longa vico de Gesamideanoj preteriris la profundaĵon, kie staris la ĉerko, tri manojn plenajn de floroj miksitaj kun verdaj steletoj ĉiu dediĉis kiel lastan saluton. Kondolenco al la familianoj, kaj ĉio estis finita.

La Dresdenaj ĵurnaloj publikigis krom la informo de la familio, de GEA kaj Loka Societo Dresden ankaŭ artikolojn kaj la bildon de Marie Hankel, kondolencoj alvenis multnombre ĉe la familio kaj ĉe la Loka Societo — dankon al ĉiuj, kiuj funebras kun ni! La *Loka Societo Dresden* aranĝis la 17*an de Januaro memorfeston* por sia eminenta membro, kaj en estontaj jaroj la 15*a de decembro* estos por ni ĉiam *duobla memortago* por *Zamenhof kaj Marie Hankel*, niaj neniam atingeblaj modeloj en la celado al la bono de la homaro!

J. K.

# Generalo SEBERT †

En la franca gazetaro aperis la 25 Januaro 1930 la jena noto: « Estas anoncata la morto de Generalo Sebert, ano de l' Akademio de sciencoj. Naskiĝinta en Verberie (Oise) en 1839, lernintode Politekniko, li estis en 1860 subleŭtenanto de mara artilerio kaj kolonelo en 1882. Elektita en Akademion de Sciencoj en 1896, membro de la Sekcio pri mekaniko, Generalo Sebert verkis multajn studaĵojn pri artilerio. Li eltrovis aparaton por registri la retrosalton de pafilegoj. »

Tiu depeŝo ilustras nian mizeran intelektan civilizon. Ĝi scias nur pri milito kaj estinteco, ĝi ne rigardas al la multe pli gravaj kaj promesplenaj klopodoj por paca organizo de la mondo.



La lando de Zamenhof ankoraŭ hodiaŭ ne konscias plene la gloron de unu el siaj plej grandaj kaj puraj filoj. Same la lando de Sebert ne scias sufiĉe pri lia grandega merito kaj neforgesebla laborado por doni lingvan bazon al kunlaborado de l' popoloj.

Lia sistema kaj metodema racio, kulturita sur la kampo de l' milita tekniko, baldaŭ turniĝis de l' kalkuloj detruaj al arkitekturo konstrua por la bono de l' homaro. Lia animo komprenigis al li, kion la mondo povus esperi, se kulturo kaj scienco, decideme aplikus al paco tiujn fortojn ĝis nun uzitajn por buĉado.

Ĝuste kiam la XIXa centjaro cedis lokon al la XXa, li simbolis admirinde la ŝanĝon de la tempoj kaj fariĝis pioniro kaj baldaŭ eĉ gvidanto en mondkonstruaj entreprenoj.

Li estis unu el la fondintoj de la Internacia Instituto Bibliografia en Bruxelles. Kun sia amiko Javal, la blinda medicina akademiano, li fondis en 1905 la Esperantistan Centran Oficejon en Parizo.

Post la komuniko de Ernest Naville al Akademio de Moralaj kaj Politikaj Sciencoj en 1898, post la Tutmonda Ekspozicio en Parizo 1900, multaj eminentaj scienculoj de Francujo interesiĝis al Esperanto.

Sebert havis la grandan meriton, ne nur aprobi la lingvon el ekstero, sed lerni ĝin mem. La 4 Aprilo 1901 li prezentis la verkon de Zamenhof al Franca Akademio. Kvar jarojn poste la varsovia idealisto ne havis pli fidelan amikon ol tiu prudenta kaj organizema scienculo.

Ĝis tiam la tuta movado estis limigita al kelkmiloj da modestaj revuloj en norda kaj orienta Eŭropo. Sur ilian amlaboron ĵetis lumon nur unu letero de Tolstoj kaj unu de Max Müller. Animon ili havis, sed tekniko mankis.

Kiam la Francoj invitis la unuan Kongreson en Boulogne-sur-Mer, la situacio plene ŝanĝiĝis. Dum dek jaroj la movado ricevis eksteran kaj internan helpon de konataj universitatuloj. En ĝin venis iom da ordo, organizo, metodo, tekniko en eldonado, en kongresoj, en dokumentado, k.t.p. Ĝi ekaperis antaŭ la mondo kiel serioza afero.

La ĉefan meriton en tiu decida paŝo Esperanto ŝuldas al Generalo Sebert, kiu donacis tiam sian tutan vivon kaj tempon al nia afero kaj restis por nia Majstro sindona kaj nelacigebla konsilanto en ĉiuj praktikaj aferoj.

Kompreneble kun organizo envenis en Esperantujon la neeviteblaj internaj diskutoj pri statutoj kaj regularoj. Generalo Sebert faris multe tro mem por la Esperantistoj. Hodler opiniis, ke ili devas lerni propran respondecon kaj fondis UEA.

Nun ambaŭ mortis kaj la esperantistaro scias, kian grandan ŝuldon ni ĉiuj havas al ilia sindono. Neniu povas forpreni la fundamentajn ŝtonojn, kiujn ili metis en la bazon de nia komuna konstruaĵo.

La nomo de Sebert restos nedisigeble ligita al la verko de D-ro Zamenhof. Ke scienculo, honorata en Akademioj, kaj generalo, kutimiĝinta je obeo, ne nur lernis mem Esperanton anstataŭ simple « doni sian nomon », sed dediĉis tutan vivon al disvastigo de alies eltrovaĵo, diskutadis kun junaj fervoruloj pri administraj aferoj, respondadis al kritikoj, sekvis ĉiun detalon kaj konservis sian intereson al la lingvo ĝis mortlito en 91-a jaro, tio estas admirinda ekzemplo de pacienco en ofte sendanka tasko.

Ni ĵus perdis poetan avinon Marie Hankel; nun mortis avo nia. Kiu prenos ŝian liron? Kiu trovos lian energion?

Edmond Privat.

# INTERNACIA POLICA LIGO

**Policistaro vekiĝu kaj unuiĝu !**

Karaj samfakuloj tutmondaj ! Ĉie ni havas la saman laborcelon, nome garantii la ordon kaj sekurecon sen kiuj ĉia progreso, kultura aŭ ekonomia, ne povus prosperi. Nia laborcelo estas protekti la ŝtatanon, malebligi kontraŭleĝajn agojn de personoj celantaj profiti el tio. Kontraŭleĝaj agoj diversmaniere povas endanĝerigi la bonstaton de honestaj ŝtatanoj. Ĉie oni pli aŭ malpli ŝtelas, trompas, rabas kaj ne hezitas mortigi laŭplane por gajni profitojn diversspecajn. La polica dejoro ne estas amuziga laboro, sed plenumo de nura devo por la publika bono. Tamen la policista laboro ne ĉiam trovas la plenan komprenon de la publiko. Oni emas konsideri polican laboron kiel intencan atakon al la publiko. Sed tio ne estas. La policisto nur plenumas sian devon laŭ la instrukcioj, fiksitaj de la kompetentaj ŝtataj institucioj. La policistoj estas la leĝplenumantoj.

Estas fakto ke egoistaj instinktoj inter la homoj neniam ĉesos. Tiuj instinktoj multiĝis ĉie. Ni flankenlasu la bagatelaĵojn okazintajn el pardoneablaj motivoj de mizeraj vivcirkonstancoj, kiel senlaboreco kaj malsano en familioj ktp. Nia ĉefa celo estu direktata al la kontraŭbatalo de danĝeraj individuoj, de veraj krimuloj, kiuj kvazaŭ profesie agas kontraŭ leĝo kaj moro kaj ne nur samloke kaj samlande, sed ankaŭ internacie. Ĉi tiuj malbonuloj scias profite eluzi la ŝanĝon de lokaj kaj landaj restadoj, por ne esti kaptitaj de la persekutantaj policistoj. Ili ankaŭ tre bone scias kaŝe vendi en fremdaj landoj la objektojn malhoneste akiritajn en alia lando. La landlimo ne plu malhelpas krimulojn, dume ĝi estas grava malhelpo por la policisto persekutanta. Ĉi tiu malhelpo por la policisto estas ĉefe lingva kaj diplomata. Ni zorgu pri forigo de ĉi tiu malhelpo. Ni klopodu pri pli sukcesa kontraŭbatalo de la internacie laboranta krimularo, ni zorgu plie pri pli efika protekto de la publiko. La publikon ni kore petas subteni tiujn celojn laŭpove per informoj utilaj al la policistaro.

Tiucele ni reorganizis fakligon de la esperantistaj policistoj ĉiulandaj por antaŭenpuŝi la uzon de nia lingvo ankaŭ ĉe la policistaro, por forigi la lingvajn kaj diplomatajn malhelpaĵojn kaj fine por antaŭenpuŝi pli efikan kontraŭbatalon de la internacia krimo kaj tiel atingi pli bonan protekton de la publiko.

Tiucele ni kuniĝu en nove organizita fakligo en kiu ĉiu samfakulo povas kunhelpi. Nura lernado de nia lingvo sen faka uzado restas sen efiko. Policistaro eluzu la praktikon ankaŭ en nia lingva movado, kuniĝu kaj unuiĝu, nur per komuna laboro povas progresi io al tuthomara bono ! !

Kriminalkomisario A. POHLE, Dresden.

Pri informoj sin turni al : Internacia Polica Ligo, p.A. S-ro Paul Teuchner, Eisenbahnstrasse 111, B, Leipzig.O.28.



# *Petoj kaj Proponoj*

**INTERNACIA KOMERCO**

*A B C librojn.* — Por Scienca laboro, studo, ekspozicio sendu: 2-3 tipajn abocolibrojn, uzatajn en vialandaj elementaj lernejoj, mallongaj klarignotoj en esp. aldonu specimenojn de kovriloj de lernejaj kajeroj, Pl., interŝanĝe la samon aŭ samvaloraĵon laŭ postulo. Tre ŝatataj estas sendaĵoj el ekstereŭropaj landoj. Adreso: Pedagogia Katedro, ul. Vorosilova 25, Trudŝkola 43, Kiev, U.S.S.R.

*Atentu.* — Instrumotoristoj. — La Aŭstria Klubo de Instrumotoristoj petas kolegojn ĉiulandajn, kiuj estas pretaj fondi en ilia lando specialan profesi-unuiĝon, konigi nomon kaj adreson al: Esperanto-Sekretariat, Schäffergasse 3, Mag. Bez, Amt, Wien IV.

*Averto.* — Esperantista Klubo de Praha petas nin publikigi jenan informon: S-ro Josef Helebrand, kiu dum esp. kunvenoj, precipe dum mondkongresoj, fotografas kongresanojn, invitante ilin al fotografado per vortoj jam konataj: « Unu momenton, gesinjoroj », entreprenas tiun ĉi aferon nur je sia propra konto, propravole, do neniel en la nomo de subskribita klubo. Tial ni petas, ke ĉiu postulu respondecon nur de la nomita persono, skribu rekte al li sub la adreso: Praha II — Vodičkova, palac u Novaku, 3a etaĝo, 3a ŝtuparo. — Esperantista Klubo, na Perŝtyné, Praha I.

*Ekſterlanda esperantisto* scianta kelkajn lingvojn, serĉas iun ajn okupon ĉe svisaj Esperantistoj. Leterojn sendu afable al la Redakcio de Esperanto por 32600.

*Etnografio.* — Mi deziras ĉiuspecajn etnografiajn librojn, verkaĵojn, ĵurnalojn, fotografaĵojn k.t.p. pri Suda kaj Centra Ameriko, Afriko, Hispanujo; lingvoj Esperanto, germana, angla, hispana, franca. Rekompensas laŭdezire. Skribu al C.J. van Dam, Zaaiersweg 47 B., Amsterdam-Ooost.

*Filatelistoj.* — Vendas PM, servajn aerajn, bonfarajn, PK maŝinstampaĵojn papermonon. S-ro K. Riess, Laŭingen, Clemensstrasse 6, Bavario, German.

*Hungaraj manlaboraĵoj.* — Arpad Borsódi, Kapuvar, Sopron Megye, Hungar., proponas siajn belegajn hungarajn manlaboraĵojn. Laŭdezire mi sendas specimenon kun mencio de la prezo. Japanajn kaj ĉinajn manlaboraĵojn akceptas interŝanĝe sendonte hungarajn.

*Poŝtmarkkolektanto,* ne komercisto, sendas 15 diversajn germanajn PM kontraŭ sendo de sama nombro de aliaj eŭropaj PM. Tute fidinda. J. Haamann. Capitelstrasse 6, Aachen, Germanujo.

*Slovaka ŝlosilo* estas ricevebla per la libroservo de UEA. Unu ekz. 20 centimoj, 10 ekz. 1.50 Frk. svis. — Enlande de la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista: 1 ekz. 1.20 kč., 10 ekz. 10.40 kč. 333 Socharska, Praha VII.

# Esperanta Radio Programo

de la Komisiono por Radio-Statistiko, Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J. Jungfer Lindenstrasse 10, Lübben N-L, Germ.

*La tempo estas tiu de Meza Europo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua. Novajoj.

*Mallongigoj :* K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. =

*Adreso.* — I.C.K. elektis la subskribanton kiel Prezidanton de la Komisiono por Radio-Statistiko. La adreso de tiu Komisiono estas de nun : S-ro J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben (Spreewald).

*Esperanto-Radio-Programo.* — La plej grava tasko de la Komisiono estas la kompilado de la Esperanto-Radio-Programo, kiu nun aperas ĉiudimanĉe. Informojn bv. sendi, ke mi ricevu ilin sabate. Eventuale sendu per aerpoŝto.

*Radio-statistiko.* — La Radio-amatoroj kaj Radio-aŭskultantoj estas petataj sendi al la Komisiono siajn adresojn sur poŝtkarto kaj informu pri jenaj demandoj :

1. Ĉu vi havas Radio-aparaton? per kiom da valvoj (lampoj)?
2. Ĉu vi aŭskultas per laŭtparolilo? per telefono? per detektoro?
3. Ĉu vi povas ricevi tre mallongajn ondojn?
4. Ĉu vi havas Radio-amatoran sendstacion?
5. Kia estas via loka sendstacio?
6. Kiajn sendstaciojn vi ofte aŭskultas?
7. Kiajn aliajn sendstaciojn vi povas aŭskulti?
8. Kiajn naciajn Radio-jurnalojn vi abonas?
9. Al kiuj Radio-societoj vi apartenas?
10. Ĉu vi estas preta kunlabori en Radio-aferoj?

*Raporto pri la Esperanto-dissendoj.* — La Komisiono serĉas por plenumi siajn taskojn en ĉiuj landoj helpantojn kaj kunlaborantojn. Gesamideanoj, kiuj kavas Radio-aparaton kaj disponas pri iom da tempo estas petataj, sendi tuj sian adreson al la Komisiono, Ni urĝe bezonas raportojn pri la Esperanto-dissendoj, pri aŭdebleco, malhelpajo kaj efiko de la koncernaj sendiloj. Do, skribu tuj, la laboro estos interesa.

DIMANĈO

08.30. — *Langenberg,* 473 m., Aachen, Köln, Münster. Par.: A. Dormans. — 30 min.

10.00. — *Eskilstuna,* 246 m., Par.: A. Agren. — 30 min.

LUNDO

19.15. — *Bruxelles,* 509 m. Par. : D-ro Kempeneers. — K. — 15 min.

20.00. — *Moskvo,* 938 m. Par. : N. Hohlov. — Sovetia vivo kaj kulturo. — 30 min.

20.30. — *Lille,* P. T. T., Nord, 265 m., Par. : A. Trotin. — Esplorado de la Gramatiko kun komentarioj — 30 min.

22.15. — *Paris,* L. L., Par. : Inĝ. Favrel. — K.

22.30. — *Kiev,* 800 m. — K.

MARDO

19.00. — *Bern,* 403 m., Par. : J. Schmid. — K. — 30 min.

20.00. — *Torino,* 291 m., Par. : D-ro Canuto. — Esp. literaturo kun italaj klarigoj.

MERKREDO

18.45. — *Wien,* 516,3 m., Graz, Innsbruck, Klagenfurt, Linz. — Par. : W. Smital. — 10 min.

20.30. — *Moskov,* 938 m. — Program-anonca en Esperanto.

JAŬDO

18.30. — *Paris P. T. T.,* 447 m. N.

20.30. — *Lyon-la-Doua,* 446 m., Par. : G. Pouchot. — K. — 15 min.

20.40. — *Odessa,* 411 m., Par. : N. Holm. — K. — 20 min.

20.50. — *Kaunas,* 1.935 m., Par. : J. Kutra. — 20 min.

22.30. — *Uddevalla,* 203 m., Par. : E. Dahl. — N. — 30 min.

VENDREDO

18.05. — *Leipzig,* 259 m., Dresden. — Par. : Prof. D-ro Dietterle, El literaturo kaj movado. — 10 min.

20.15. — *Genève,* 760 m.. Par. : P. Bouvier. — K. — 10 min.

22.30. — *Leningrad,* 1.000 m., Par. : Urban kaj G. Teterin. — N. — 30 min.

SABATO

17.55. — *Breslau,* 325 m., Gleiwitz, 253 m., Par.: A. Hanuschke. —

18.30. — *Ljubljana,* 572 m. — K. — 30 min. 10 min.

19.00. — *Königsberg,* 276 m., Dantzig. — P. — 5 min.

19.15. — *Lyon-la-Doua,* 466 m., Par. : G. Pouchot aŭ E. Borel : N. — P. — 10 min.

19.18. — *Zürich,* 459,4 m., Par. : R. Unger. — K. — 17 min.

20.30. — *Moskvo,* 938 m. — Program-anonco en Esperanto.

23.15. — *Bruxelles,* 508,5 m. — P. — 5 min.

---

## Esperantista vivo

**Naskiĝo.**

Al Ges-roj E. Urbach, Antverpeno, filineto nomita Bela.

**Fianĉiĝoj.**

*** S-ro P. Ivo Gabriĉ, en Metkovici, Jugoslavio kun F-ino Krune Jeramez.

*** S-ro Vasil Genĉev en Razgrad Bulg., kun F-ino Ekaterina B. Fikova el Leskovec.

*** S-ro Nesim J. Avramov en Stara Zagora, Bulg., kun F-ino Buĉa Rubenova el Kazanlik.

**Edziĝoj.**

*** S-ro Menella Amerigo, M de UEA en Voghera, Ital., kun F-ino Letizia Pedrazzi.

*** S-ro Léon Cuzon, MA de UEA en Parizo kun F-ino Odette Petit-Jean.

**Honorigo.**

*** F-ino Adriana Topi, fratino de la Del. de UEA en Casale Monferrate doktoriĝis pri farmacio.

*** La urbestro de Budapeŝto nomis D-ron de Kalocsay, Direktoro-ĉefkuracisto de la Urba hospitalo.


# ESPERANTO

Svisa Poŝtĉeko: Genève, I. 2310

**REDAKCIA INFORMO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj. Aperintaj numeroj estas postsendataj.

**ADMINISTRA INFORMO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj
Koresponda anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Fr.
Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.
Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1.8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25

Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Fr.k., Subtenanto: 25 Frk. sv., Dumviva Membro: 300 Frk. sv.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE